# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* — *№ 1 (38) februaro 2007*

**Zamenhof-festo en Uralo – nuntempe la plej aktiva E-regiono de Rusio**






***Moskvo, 2007***

# *enhavo:*



**AVERTO:**

*tiu ĉi numero de REGo estas la lasta, kiun ricevos ĉiuj abonantoj-2006. La sekva numero estos sendita nur al tiuj, kiuj pagis sian membrokotizon (kun REGo) en REU por 2007 aŭ la ĉi-jaran REGo-abonkoston.*




*afiŝo de la unua Moskva LF*

**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

*№ 1 (38) februaro 2007*

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Garik Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2007:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 200 rubloj sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 20 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*



# Zamenhof-festoj en Uralo

Ankaŭ ĉi-jare Zamenhof-tago en Jekaterinburg estis vera festo por ĉiuj kunvenintaj uralanoj, la festo longe atendata kaj ne trompinta niajn esperojn.

La 16-an de decembro en la Domo de Paco kaj Amikeco jam tradicie renkontiĝis 27 geamikoj el 4 urboj: venis gastoj el Tjumenj, Ĉeljabinsk, Niĵnij Tagil. Aparte ĝojigas min, ke ĉi-jare jam trionon de la partoprenantoj konsistigis nia junularo, gaja, entuziasma kaj multe kontribuinta al la sukceso de la programo.

La enkondukan parolon de Viktoro Kudrjavcev pri la tradicio festi Zamenhof-tagon sekvis ŝerca teatraĵeto, komencanta la diskuton "Kio estas Esperanto por vi? Ĉu via vivo malriĉiĝus sen Esperanto?". La rakontoj pri la spertita vivo esperantista estis apenaŭ haltigeblaj, aparte se konsideri, ke Esperanto-staĝo de kelkaj partoprenantoj estas vere estiminda – ĉirkaŭ 50 jaroj ĉe Stanislav Kotljarov, pli ol 40 ĉe Vladimir Terjoĥin kaj eĉ ĉe Viktoro Kudrjavcev jam 30! Sed certe ĉiujn superis per sia tutviva esperantisteco la 7-jara denaskulinjo Margarita Reŝetnikova. Ŝi kantis por ni Esperante, prezentis kelkajn proverbojn – jen Zamenhofajn, jen eĉ verkitajn de ŝi mem, kaj tute ravis ĉiujn! Kun plezuro ni spektis la ruslingvan filmeton, prezentantan Esperanton. Ĝin faris Arina Osipova el Jekaterinburg por studentoj de sia Pedagogia Universitato. Omaĝe al la Tago de Esperanto-libro okazis ekspozicio de noveldonitaj esperantaĵoj.

La oficialan parton ĉi-jare sekvis eĉ ne kutima teumado, sed vera bankedo, kiun ni devas danki al la tjumena kaj jekaterinburga junularo gvide de nia festmastrino Raja Kudrjavceva. Dum la bankedo estis prezentitaj ŝercaj ilustraĵoj al Zamenhofaj proverboj (la ideo de Raja kaj Arina), laŭ kiuj oni provis diveni la originalojn. En la gaja loterio ĉiu povis gajni nur verdkolorajn premiojn, la ĉefan el kiuj, novjaran artfajraĵon-ĉampanbotelon ni tuj fajrigis riverborde, daŭrigante la amuziĝon per bengalaj fajroj jam en la salono. La festado kun kantoj, ŝercoj kaj babiloj ne ĉesis ĝis malfrua vespero, kaj kelkaj partoprenantoj eĉ restis noktumi en la Domo, ja ĝi estis en nia dispono ĝis la mateno. Dankon, karaj jekaterinburganoj, pro la donacita festo! Kaj kiuj ne venis – enviu al ni kaj nepre partoprenu la aranĝon sekvajare!

Ankaŭ en Ĉeljabinska E-klubo la 10-an de decembro kun partopreno de la gasto el Tiĥvin Zoja Kaĉalova, okazis la modesta festado de Zamenhof-tago kaj de la 30-a datreveno de la iamaj Belartaj konkursoj de SEJM, la unua el kiuj, "Liro-76", okazis apud Miass (Ĉeljabinska regiono) ĝuste kadre de Zamenhof-tago.

***Galina Terentjeva (Ĉeljabinsk)***



*juna Margarita Reŝetnikova*

# JUBILEAJ DATOJ DE LA JARO 2007

*Vasilij Devjatnin* (1862 – 1938) – 145 jaroj
*Timofej Ŝĉavinskij* (1862 – ?) – 145 jaroj
*Antonina Borovko-Ĉajkovskaja* (1872 – 1948) – 135 jaroj
*Jevgenij Salnikov* (1907 – 1979) – 100 jaroj
*E-renkontiĝo kadre de Junulara Festivalo en Moskvo* – 50 jaroj
*Fondo de Moskva junulara E-grupo "Fajrero"* – 50 jaroj



Viktor Kudrjavcev

03.01 – *Tatjana Vŝivceva* – 40 jaroj
21.01 – *Eŭgeno Miĥalski* (1897 – 1937) – 110 jaroj
27.01 – *Marko Zamenhof* (1837 – 1907) – 170 jaroj
27.02 – *Anatolij Radajev* – 50 jaroj
23.04 – *Ivan Ŝirjaev* (1877 – 1933) – 130 jaroj
16.05 – *Nikolaj Lozgaĉev* (1957-1998) – 50 jaroj
11.06 – *Antoni Grabowski* (1857 – 1921) – 150 jaroj
11.06 – *Valentina Spicina* – 65 jaroj
08.07 – *Jefim Zajdman* – 70 jaroj
18.07 – *Valentin Melnikov* – 50 jaroj
26.07 – *Unua Libro* – 120 jaroj
09.08 – *Vladimir Izosimov* (1947 – 1998) – 60 jaroj



Anatolij Radajev

11.08 – *Edgar von Wahl* (1867 – 1948) – 140 jaroj
13.09 – *Aleksandr Ŝevĉenko* – 50 jaroj
19.09 – *Nina Zueva* – 65 jaroj
22.09 – *Marija Prilepskaja* – 60 jaroj
08.10 – *Viktor Kudrjavcev* – 50 jaroj
14.10 – *Boris Tokarev (B.Tornado)* (1927 – 1994) – 80 jaroj
12.11 – *Vladimir Varankin* (1902 – 1938) – 105 jaroj
14.11 – *Ernest Drezen* (1892 – 1937) – 115 jaroj
24.11 – *Anatolij Masenko* – 70 jaroj
02.12 – *Aleksandr Malacion* – 40 jaroj
23.12 – *Nina Djomuŝkina* – 50 jaroj


Jefim Zajdman

## REK-EoLA JAM PROKSIMAS

De la 6-a ĝis la 10-a de marto en Tiĥvin okazos la jubilea 25-a Rusia Esperantista Kongreso (REK-25) kaj vica arta festivalo EoLA-19. Unuafoje la kongresaj kaj festivalaj programeroj pasos paralele dum samaj tagoj (sed ne dum sinsekvaj periodoj, kiel estis antaŭe). El la pasinta numero de REGo la legantoj povis ekscii pri la loko kaj kondiĉoj de la aranĝo. Nun jam estas konataj ĉefaj eroj de estonta REK-EoLA. La plej rimarkindaj el ili (okazontaj kontinue tra kelkaj tagoj) estos la 23-a Konferenco de REU (kun raportoj, diskutoj, elektoj de la gvidorganoj), "Aktivula lernejo" (sub gvido de Aleksandr Blinov), "Instruado kun plezuro" (interŝanĝo de instruista sperto, gvidata de Irina Gonĉarova kaj aliaj spertaj E-instruistoj), artaj konkursoj (kun la branĉoj "Teatraĵo", "Kanto kaj poezio", "Video", "BeLego" k.a.), rondaj tabloj ("Regiona kaj kluba agado", "Amasaj E-aranĝoj en Rusio", "E&I"). Krome estas planataj: tradukmetiejo, anticipa prezento de la Granda E-rusa vortaro de Boris Kondratjev, ekskurso tra Tiĥvin, kvizo, prezento de novaj E-libroj kaj aliaj esperantaĵoj, Tiĥvina vespero, Poezia vespero omaĝe al Lena Lebedeva, festa vesper(manĝ)o "Blanka danco" la 8-an de marto, komuna koncerto, ludoj, noktaj teumadoj, komunaj kantadoj ktp. La 9-an de marto tiĥvinaj esperantistoj planas okazigi en la urbo Lingvan Festivalon. (Interalie, la 4-an de marto, unu tagon antaŭ la komenco de REK-EoLA, la unua Lingva Festivalo pasos en Peterburgo.)



*la tiĥvinanoj aktive preparas la programon*

Por la personoj, kiuj emas nur lastmomente decidi pri sia partopreno, jen estas kelkaj konsiloj, kiel atingi la bazejon, kie ĉio ĉi pasos.

La urbon Tiĥvin eblas atingi:

– pertrajne el Sankt-Peterburg de Ladoĵskij stacidomo (longdistancaj trajnoj, startas je 9.40, 15.05, 15.20, 16.22, 16.42, 17.06, 20.00, 20.40); la trajnoj, kiuj veturas al Peterburgo el Vorkuta, Kotlas, Babajevo, N.Tagil, Tjumenj, Ĉeljabinsk, Novokuzneck, Astana, Jekaterinburg, Arĥangeljsk, Vologda, haltas en Tiĥvin;

– elektrotrajne el Sankt-Peterburg de Moskovskij stacidomo rekte (startas je 15.13) aŭ kun la ŝanĝo en Volĥovstroj (5.22, 14.00, 18.00);

– perbuse el Sankt-Peterburg, de la busa stacidomo apud la kajo de Obvodnij kanal (startas je 8.00, 9.00, 10.05, 13.10, 16.00, 17.50, 18.05, 20.05), la veturo daŭras ĉ. 4 horojn;

– pertrajne el Moskvo, kun la ŝanĝo en Volĥovstroj-1: la trajno 18 Moskvo-Petrozavodsk, startas ĉiutage je 18.49, venas al Volĥovstroj-1 je 03.30, la elektrotrajno de Volĥovstroj-1 al Tiĥvin startas je 05.30.

Veninte al Tiĥvin, necesas atingi la buzan stacidomon aŭ la haltejon "Ploŝĉadj Svobodi". De tiuj lokoj eblas veturi al Caricino Ozero (situas 7 km norden de

Tiĥvin, atingeblas ankaŭ per taksioj) per la buso № 155 (funkcias de 06.20 ĝis 20.20). La bazejo troviĝas ĉe Caricino Ozero, 50 metrojn for de la bushaltejo, necesas sekvi la koncernajn indikilojn.

La organizantojn eblas kontakti per la retadresoj <mamuto@rambler.ru>, <maratono@rambler.ru> aŭ la telefonnumeroj (921) 3468245 (Mikaelo Bronŝtejn), (81367) 79638 (Aleksandr Belov), (921) 5752344 (Darja Vlasova). Bonvenon!

***LOS (Loka Organiza Skipo)***

## BONVENON AL "EsPrimo-4"

Karaj geamikoj! Nun kun granda entuziasmo ni preparas nian tradician regionan renkontiĝon en Uralo, Esperantistan Primaveron "EsPrimo-4". Jam la kvinan fojon (konsiderante ankaŭ REK-EoLA en Jekaterinburg maje 2005) esperantistoj de uralsiberia regiono kolektiĝos printempe, post la longa kaj teda vintro, por kune pasigi la majajn festotagojn en bonega amika etoso, ricevi plian energion kaj pliajn sciojn en la lingvo, por enspiri "freŝan aeron" de Esperantujo kaj kuraci niajn lacajn de rutino animojn en la varma rondo de amikoj.

Ĉiam ni aranĝas niajn "EsPrimojn" tiel, ke ili pli bone respondu al la interesoj kaj prioritatoj de la regiona agado. Post multaj interretaj kaj ĉeestaj diskutoj pri la temo kaj la enhavo de la renkontiĝo, estis decidite, ke ĉi-foje la kerno de ĉio estu ***"KLUBA LABORO, INTERKLUBAJ RILATOJ KAJ INTERAGADO"***. Ĝuste de tiu vidpunkto ni planas trakti la regionan movadon dum la diskutrondoj kaj opiniinterŝanĝoj, dum la ĉekafaj babiladoj.

La tuta programo de la aranĝo estos plektaĵo de pluraj eroj, kiujn proponis esperantistoj el diversaj urboj. Ekzemple, ĉeljabinskanoj proponis dediĉi parton de la programo al la jam historia evento por nia regiono, al la iam sukcese pasintaj en Uralo Belartaj Konkursoj "Liro" (kies 30-jara jubileo estis en decembro 2006). Lige kun tio ni kontaktis la ĉefan organizanton de "Liroj" Ludmila Novikova, nun loĝanta en Moskvo, kaj invitis ŝin partopreni en "EsPrimo-4". Espereble, sukcesos veni ŝi kaj aliaj tiutempaj aktivuloj, kiuj rakontos kaj prezentos multon interesan.

Ĉar ankaŭ en Tjumenj, kie okazos "EsPrimo-4", loĝas multaj malnovaj spertaj esperantistoj, kiuj nun, bedaŭrinde, "dronis" en la rutina vivo, en propraj problemoj kaj pasivas, nia aktivulino el Toboljsk Dilara Gadirova proponis inviti ilin kaj okazigi programeron "Nostalgiaj momentoj". Dum ĝi eblus rememori la junecon kaj iaman aktivadon por Esperanto, paroli pri la ligoj inter Esperanto-generacioj, pri okazintaj interrompoj de tiuj ligoj kaj pri la ebla reaktivigo de la malnovuloj.

Bona tradicio de niaj renkontiĝoj estas disponigo de la ebleco perfektiĝi lingve. Ĉi-foje ni




*komuna foto de la pasintjara "EsPrimo"*

anticipe traktis kun Aleksandr Melnikov (Rostov-Don) lian partoprenon, kaj nun ni klopodas ricevi por li la oficialan inviton de Jekaterinburga Pedagogia Universitato. Ni esperas ĝui la interesegajn prelegojn de Aleksandr Sergejeviĉ antaŭ "EsPrimo-4" en Jekaterinburg kaj dum la aranĝo en Tjumenj.

Kaj certe dum nia "EsPrimo-4" ĉiu deziranto povos esprimi sin vorte, emocie kaj arte, senĝene montri siajn talentojn. La programo antaŭvidos komunajn koncertojn, "Gajan vesperon", kunvenon de romantikuloj kaj poeziŝatantoj, foto- kaj filmo-prezentojn. La planoj estas tiom grandaj – nur sufiĉu tempo por realigi ĉion!

Krom la Esperanta, tradicie okazos ankaŭ turisma parto. Tjumenanoj promesas organizi por ni interesajn ekskursojn en- kaj eksterurbe, montri la riĉan Muzeon de Uralaj Ŝtonoj, kabanojn de niaj prauloj kaj modernan Ponton de Amantoj.

Verŝajne vi jam komprenis, ke dum tiuj tri renkontiĝaj tagoj ĉiu povos trovi por si interesaĵojn. Ni invitas ĉiujn dezirantojn propraokule vidi, kio estas la regiona E-movado en Uralo, kaj ĉerpi inspiron kaj energion por plia aktivado! "EsPrimo-4" estos bona "vakcino" kontraŭ via malgajeco, soleco, inerto, ĉar ĝi antaŭvidas intensan kaj tre amikan komunikadon en gaja etoso!


*la spertuloj ĝis nun estas motoroj de la agado en Uralo – la plej aktiva E-regiono de Rusio*

Datoj de la aranĝo: la 29-a de aprilo – 1-a de majo 2007. Loko: la sanatorio "Gradostroitelj" apud Tjumenj, atingebla de la tjumena busstacio per duonhora veturado. Kiel atingi: de la fervoja stacidomo necesas veturi per la busoj 12, 13, 25 aŭ itinera taksio numero 43 ĝis la haltejo "Avtovokzal"; de tie veturu per la busoj 102, 192, 202, 292, 512 ĝis la haltejo "Vinzili", poste paŝu antaŭen ĝis la granda vojkruciĝo, turnu maldekstren (estas ŝildo "Sanatorij Gradostroitelj") kaj iru laŭ la ĉefa vojo preter sanatorioj "Lastoĉka" kaj "Ĵemĉuĵina".

Kondiĉoj: trietaĝa domo kun komfortaj dulitaj ĉambroj (aparta duŝejo por bloko), manĝejo kaj konferenca halo. Prezoj: loĝado por unu diurno – 400 rubloj; ni pagos por 2 diurnoj. Manĝado laŭ elekto: 2-foja kontraŭ 150 rubloj, 4-foja kontraŭ 250 rubloj aŭ senpaga memzorga. Aliĝkotizo: por lernejanoj – ne estas; por studentoj kaj pensiuloj – 100 rubloj; por la ceteraj – 150 rubloj.

Kontaktoj kun la organizantoj: Raja kaj Viktor Kudrjavcev, Jekaterinburg (hejma telefonnumero (343) 3814250, retadreso <komencanto@r66.ru>); Pavel Veselov, Tjumenj (poŝa telefonnumero (922) 4801151, retadreso <pav.tmn@gmail.com>).

Ni atendos vin senpacience!

***La Organiza Teamo***



## LA 1-A INTERNACIA LINGVA FESTIVALO EN MOSKVO

Finfine realiĝis la antaŭlonga revo de MASI-anoj – okazigi Lingvan Festivalon en la rusia ĉefurbo, laŭ la modelo de la famaj Ĉeboksaraj LF. Al tio multe kontribuis ekloĝintaj en Moskvo kaj aliĝintaj al la klubo REJM-anoj el Ĉeboksari kaj ankaŭ – Maria Terjoĥina, kiu novembre dum REJK elektiĝis kiel REJM-estraranino kaj tuj komencis organizadon de la Festivalo.

La evento okazis la 17-an de decembro 2006, dimanĉe, en la lernejo por talentaj infanoj “Intelektulo”, patronata de la Moskva registaro. Unika loko, necesas diri. La direktoro, kandidato de historiaj sciencoj Jevgenij Vladimiroviĉ Markelov, senpage disponigis al ni la luksan lernejon, kun abunda aparataro kaj komisiis al kelkaj instruistoj prizorgi nin – kontraŭ krompago el la lerneja kaso. Ĉe tio li plene konsciis, ke la lernantoj de tiu ĉi lernejo ne profitos de la aranĝo, ĉar ili estas enorme okupitaj; vere, LF-on vizitis nur 7 ĉi-lernejaj geknaboj.

Ni organizis enorme vastan reklam-kampanjon, uzante la eldonitajn de la Organiza Teamo kaj de REU kolorajn afiŝojn, kiujn la klubanoj pendigis en siaj laborejoj kaj en dekoj da ĉefaj moskvaj universitatoj (ekzemple, en multaj fakultatoj de MGU). Sed plej efikis la reklamo tra Interreto – en lingvistikaj forumoj, lingvo-eldonejaj paĝaroj, vivaj ĵurnaloj ktp. Regule funkciis la MASI-paĝaro <www.moskvo.ru/lf>, lanĉita kaj diligente prizorgata de Marat Sadikov.

Dank’ al reklamo kaj seninterrompa individua laboro kun la koncernaj homoj al la Festivalo estis allogitaj multaj gejunuloj-lingvistoj (ekzemple, filologoj el RGGU) aŭ reprezentantoj de naciaj societoj (ekzemple, de la junulara kartvela movado “Lazare”). Ekinteresiĝis ankaŭ maturaĝaj profesiaj lingvistoj, ekz. k-to de filol. sc., d-ro de ped. sc. A.S.Markosjan. Rezulte estis prezentitaj 30 lingvoj kaj la Festivalon vizitis pli ol 200 gastoj.

La oficiala programo komenciĝis precize je la 12-a horo en la akta halo per la Solena Malfermo, sed la organizantoj estis en la lernejo jam ekde la 9-a matene, kaj je la 10.30 de la metroo “Park Pobedi” ekcirkulis du speciale menditaj aŭtobusoj, kiuj portis la lingvoprezentantojn, kaj poste – la publikon, al la lernejo. Ĉi tie la instruontojn atendis klopodoj pri aranĝo de siaj klasĉambroj kaj la gastojn – Arĝenta (Katja



Volkova) kun la teamo de registrantoj kaj la distra programo el naciaj ludoj, organizataj de Misa (Nataŝa Nikolajeva).



Dum la Solena Malfermo du junaj “mondvojaĝantinoj” Misa kaj Saŝa (Aleksandra Terjoĥina) gvidis la publikon de lando al lando, invitante al la scenejo lingvoprezentantojn, kantistojn, dancistojn, kaj jen ĉies okuloj jam brilas, la etoso varmas, la festo vere disfloras! Bonvenon al la prezentado de la lingvoj! Kaj ĉiuj diskuras al la klasoj...

La unua bloko enhavis tri 30-minutajn prezentadojn, la dua (post 40-minuta manĝpaŭzo en la bufedejo, prizorgata de Marina Prokopjeva) – kvar. Krome estis Lingvaj Teritorioj – la angla (Stive Cob), la franca (Svetlana Smetanina), la germana (Henrike Bartels) kaj konversacioj ĉe la Rondaj Tabloj (Vladimir Samodaj: “Lingvaj problemoj de la Eŭropa Unio”; Aida Markosjan: “Psikolingvistikaj aspektoj de lingvostudado”; Stive Cobb: “La angla en la nuntempa mondo”). Vigle pasis la lingva kvizo, preparita de Kirill Grustnjov kaj gvidata de nia “rusistino” Anna Vibornova. La programon kronis la Solena Fermo kun enmanigo de la diplomoj al la lingvoprezentantoj. Sekvis bankedeto por la organizantoj kaj instruintoj, neoficiala tea ceremonio por ankoraŭ ne foririntaj gastoj kaj spontanaj muzikadoj-kantadoj kun irlandaj dancoj en la saloneto, dum la organizantoj lavis-ordigadis la tutan lernejon.

En la Festivalo regis rimarkinda Esperanta fono. Partoprenis 40 MASI-membroj: 11 en la Organiza Komitato, 9 kompletigis la Organizan teamon, 6 prezentis lingvojn, 5 kontribuis al la koncerto kaj distra programo. Ĉirkaŭ 20 esperantistoj-ne-MASI-anoj kontribuis al la programo aŭ venis kiel spektantoj. Do, sume 60 esperantistoj estis en la Festivalo. Okazis 5 prezentoj de Esperanto kaj multnombraj mencioj de Esperanto flanke de esperantistoj, elpaŝintoj pri aliaj temoj. En la ĉ. 90 plenigitaj enketiloj Esperanto 17-foje estis menciita kiel lingvo, kiun la partoprenintoj ŝatus lerni (la plej ofta mencio).




Pri la Festivalo rakontis la radiostacioj “Russkaja sluĵba novostej” kaj “Golos Rossii”.

La festo, sendube, sukcesis. Ĉiuj partoprenintoj tre ŝatis la ideon de la aranĝo, la organizadon kaj la etoson. Ligojn al multegaj fotoj kaj la reeĥojn, tre interesajn de spertakumula vidpunkto, eblas trovi en la paĝaro <www.moskvo.ru/lf>.

Gratulojn kaj dankon al ĉiuj!

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de EK MASI***

## DOLĈA FRANCLANDO



*Tatjana Loskutova kun la filino Maja*

La temo de la pasinta IF (Internacia Festivalo, vidu <www.internacia-festivalo.de>) anoncita antaŭ unu jaro, ŝajnis por okcidenteŭropanoj tro konata, eble eĉ banala (kiu, en la 21-a jarcento, ankoraŭ ne estis en Francio!?). Por aliaj ĝi estis alloga, kiel ekzemple por mi. Tamen la unua demando "Kiu neniam estis en Francio?" dum la enkonduka forumo, tre lerte organizita de Claude Nourmont (francino loĝanta en Luksemburgio), eĉ iom embarasis la publikon. Neniu levis manon, neniu prononcis "ne". Evidentiĝis, ke ĉiu el la 150 partoprenantoj (el 20 landoj de 3 kontinentoj) de tiu ĉi novjara E-aranĝo jam vizitis Francion. La proponita aliro al la temo "Francio, kio ĝi estas por vi?" vekis veran intereson de la ĉeestanta publiko, ĉar dum ĝi la 7 elektitaj de Claude diverskategoriaj kaj diverslandaj personoj rakontis pri siaj franclandaj spertoj, pri tio kio plaĉis al ili en la lando aŭ kio ŝokis. Mi ne malkovros sekreton, dirante ke multaj parolis pri konataj vidindaĵoj, pri Parizo kaj ankaŭ pri kelkaj "strangaj" francaj kutimoj (ekz. gefrancoj salutas unu la alian kvazaŭ per kisoj survangaj – ŝmacsoneto kaj alproksimigataj vangoj – de 2 ĝis 4 fojojn depende de la regiono, en kiu oni loĝas). Kaj certe estis menciitaj la francaj fromaĝoj kaj vinoj. Do, la sama Claude en formo de seminarieto dum daŭro de IF rakontis pri fromaĝoj, kies gustumado estis akompanata per ruĝa Bordeaux-vino. Sed kiu inventis la faman en Francio bakaĵon "Croissant" ne multaj sciis. En la riĉenhava broŝuro de IF aperis pri tio informo, kiun eltrovis HDP, Hanz-Dieter Platz, la ĉefa organizanto kaj la vigla "motoro" de la aranĝo. Evidentiĝis, ke la aŭstroj: la nokte laborantaj aŭstraj bakistoj de Vieno en 1683 rimarkis la invadon de turkoj kaj avertis pri tio aŭtoritatojn, kiuj povis forte rebati la malamikojn... Dank' al tio la bakistoj kreis novan



*la gustumado de bieroj*

bakaĵon en formo de “turka duonluno”...



*la magiisto Trixini*

IF prezentis al sia partoprenantaro multajn aliajn prelegojn pri Francio: ”Francio – nia privilegia partnero” (U.Brandenburg, Germanio), “Malpli konata Francio” (C.Nourmond kaj B.Moon, Luksemburgio), “Kasteloj de Luarvalo” (T.Loskutova, Rusio), kaj ankaŭ pri la kastelo Gresillon (C.Tresorier, Germanio), kulturdomo de francландaj esperantistoj, kiu havas pli ol 50-jaran historion, sed travivas nuntempe nefacilan periodon kaj bezonas nian E-apogon. En sia prelego M.Bronŝtejn (Rusio) rakontis pri la ĝemeliĝo de la rusia Tiĥvin kaj la franca Herouville, pri la amikiĝo inter iliaj geesperantistoj. Tamen, memkompreneble, ne eblis rakonti ĉion pri Francio dum unusemajna E-aranĝo en Saarbrücken, germana urbo, kiu situas je 5 km for de Francio. Por pliriĉigi siajn konojn pri la lando la IF-anoj vizitis la historiplenan, pli ol 2000-jaran Strasburgon, kie kun loka E-ĉicerono ili paŝadis laŭ stratoj de la fama kvartalo “La Petite France”, tra la malnova urbocentro konservinta tiumomente sian kristnaskan dekoron kaj multnombrajn butikojn apud la impona gotika katedralo.

Kun larĝamplekse prezentita Francio digne konkurencis dum IF ankaŭ la diverstemaj ĝeneralklerigaj prelegoj: “Lingva egalrajteco, lingvaj rajtoj, lingvaj homrajtoj: kiena itinero?” (R.Clerici, Italio), “Jean Forge – vivo kaj verko de brila Esperanta stilisto” (L.Karpunina kaj G.Bussing, Rusio – Germanio), “Kiel ginsengo helpas al mia sano?” (Ĵ.Song kaj H.Schicke, Koreio – Germanio), “Vivo sur foraj planedoj” (A.Wandel, Israelo), “Lingva kaj kultura diverseco en Nepalo” (M.Pathik, Nepalo) kaj multaj aliaj. Paralele okazis 3-4 prelegoj, do partoprenantoj devis fari ĉiam malfacilan elekton. Vespere ĉiujn ankaŭ atendis interesaj kulturaj programeroj. La koncertoj de JoMo dum multaj jaroj vigligas kaj entuziasmigas la publikon. Ĉi-jara lia koncerto ne estis



*la rusa Novjaro*

escepto. Nekonata por multaj grupo “Esperanto-Desperado” havis survoje aŭto-paneon. Tamen 3 fervoraj junaj muzikistoj el Danlando bonorde atingis IF-ejon kaj prezentis sian arton al atendanta ilin ĉeestantaro. La germana magiisto Trixini dum sia koncerto ĉarmis ne nur infanojn, sed ankaŭ plenkreskan publikon per siaj magiaj agoj. Ĉiuj scivolis, kiel iam en infaneco: kiel tiu aŭ alia magiaĵo efektiviĝas? Ne trovinte la solvon, sed dankante la artiston pro lia majstreco, la spektantoj arde aplaŭdis. Dum unu el la vesperoj 4 tripersonaj teamoj konkuris en scioj pri Francio. Certe, ĉiu teamo havis siajn simpatiantojn, kiuj iumomente provis diversmaniere suflori respondojn. En konkurenca batalo gajnis trinacia teamo (Rusio, Germanio, Britio), kiu ricevis botelon da ŝaŭmvino.

E-perfektiĝo estas unu el bezonoj de tiuj IF-anoj, kiuj ankoraŭ ne tre lertas lingve. Do, la paroliga kurso estis organizita kaj funkciis por ili. Same siajn “klientojn” havis aliaj kursoj: magiaj seminarietoj, jogo-ekzercoj, tajĝiĉuano, manlabora kaj malstreĉiga kursoj, kuirkurso. Senlace deĵoris en la Libroservo la reprezentantoj de Flandra E-Ligo disponigante varian elekton de E-literaturo.



*la barbulkoruso*

“Laborinte” dumtage, la IF-partoprenintoj ŝatis “ripozi” en la tradicia “Knajpo”, kie eblis trinki kaj babili ĝuante la faman IF-etoson en amika rondo.

Post la pinta programero de ĉiu IF – Silvestra balo kun bongustega Silvestra bufedo – komenciĝis la balo mem per majesta polonezo, kiun partoprenis pli ol 20 diversnaciaj paroj. Ankaŭ mazurkon oni vigle kaj plezure dancis (ĝin organizis L.Gabalda, Francio). La bonvenigoj de la Nova jaro laŭ horzonoj estas neforgeseblaj momentoj, kiuj alternis kun dancoj, muziko, la silvestra ŝaŭmvino kaj ĉampano! Vere, ne ĉiuj restis stoikaj kaj eltenis ĝis la mateno, kiam venis tempo saluti usonajn partoprenantojn okaze de la veninta ankaŭ al ilia lando Nova jaro.

Kutime kronis IF-on la internacia vespero lasttage antaŭ forveturo. Ĝi estis plenplena de interesaj kaj allogaj programeroj, tamen mi aparte volus mencii tute novan, tiam ĵus inventitan de M.Bronŝtejn. Li sukcesis ne nur kunvenigi ĉiujn barbulojn de la aranĝo (ĉirkaŭ 20 barbozajn virojn), sed ankaŭ kantigi ilin, kio tre ĉarmigis la etoson de la lasta, fakte adiaŭa vespero de la 23-a Internacia Festivalo. La vica, 24-a, okazos en Mainz, kaj ĝi atendas vin ĉiujn, kiuj volas sperti altkvalitan E-aranĝon!

***Tatjana Loskutova (Ivanovo)***

## PER KAJ PRI, AŬ DENOVE EN GERMANIO



Tio okazis en ĉarma ŝvaba urbeto Herrenberg. Mi prelegis pri Esperanto por pliaĝaj gimnazianoj, elektintaj la rusan kiel duan fremdlingvon lernatan. Antaŭ la prelego la instruistino prezentis min, kiel enmondan turneanton. Eble tio influis: mi havis unu horon da senlima atento en pli ol dudek okulparoj kaj subtenon ĉe kantado – egale por la rusaj kantoj kaj por "Estas mi esperantisto". Fine venis demandoj de la geknaboj kaj inter ili tiu ĉi, iom embarasa por mi: "Kial post Novjorko, Parizo, Berlino ktp. vi elektis veni ĝuste en nian urbeton, en nian gimnazion?". Post heziteto mi respondis: "Do mi venas tien, kie estas miaj amikoj". La respondo plaĉis al ĉiuj, ankaŭ al la ĉeestanta ĵurnalistino de urba ĵurnalo, kiu titolis per ĝi sian raporton...

Post du turneoj, faritaj en Germanio dum la lasta jarkvino, veturonte al la 23-a Internacia Festivalo (IF, por mi – la kvina) en Saarbrücken, ĉu mi supozis pliajn invitojn el germaniaj grupoj? Sed, eksteratende, venis tiaj. Kaj, tute eksteratende, – el la urboj, kiujn mi estis jam dufoje vizitinta. Do, krom partopreno en la kutime amasa, multlanda, sufiĉe ŝvitiga por mi IF, okazis miaj publikaj prezentadoj en Herrenberg, Stuttgart kaj Munkeno. Sume la prezentadojn ĉeestis ĉ. 120 personoj.

Publiko lingve homogena ne kaŭzas problemojn. La gimnazianoj en Herrenberg pli-malpli posedis la rusan, do ĝi estis nia komuna lingvo. Esperanto iĝis tiu dum la koncerto por klubanoj en Munkeno. Tie kaj tie mi senprobleme plenumis mian programon, rakontinte al la gejunuloj pri Esperanto aŭ prezentinte programon de miaj novaj kantoj al esperantistoj. Ve, en aŭditorioj pli amasaj la publiko estis lingve miksita. Mi devis aranĝi voĉdonadon por ke la ĉeestantoj elektu la lingvon, parolotan de mi. Tio bone funkciis en Stuttgart: pro ĉeesto de kelkaj eksrusianoj inter multlingva kantado mi parolis en la rusa; ĉarma



fraŭlino Maŝa el loka klubo de rusaj bardoj brile tradukis por germanlingvanoj. Sed en "Welthaus", en Munkeno evidentiĝis, ke la situacio estas pli komplika. Por la unua parto de mia prezentado same estis elektita la rusa kun iom malpli lerta, sed ne malbona tradukanto al la germana, Edik. Tamen dum la paŭzo inter la du partoj de la prezentado venis plendoj: evidentiĝis, ke en la salono ĉeestas homoj, kiuj tute ne komprenas la rusan kaj apenaŭ – la germanan. Estis gastoj– esperantistoj – japano kaj turka paro. Pardonpetinte, mi faris la duan parton en nura esperanto por ĉies kontento, ĉar nova tradukantino, juna Elisabeth brile faris sian laboron.

Laŭ la opinioj de la organizantoj ĉiuj prezentadoj estis sukcesaj kaj vekis intereson al esperanto ne nur de mia publiko, sed ankaŭ de multaj aliaj loĝantoj, ĉar sekvis pozitivaj artikoloj-raportoj en loka gazetaro.

Ĉi-foje mia kalendaro ne estis tro streĉa. Per zorgoj de la gastigantoj mi ricevis sunan kaj varman (de 5 ĝis 10 gradoj) januaran veteron kaj kelkajn impresajn ekskursojn al antaŭe ne vizititaj belegaj urboj kaj urbetoj: Sindelfingen, Keplerstadt, Ulm, Augsburg, Landsberg. En Nurenbergo, kie mi pasigis la lastan tagon de la turneo, ne okazis prezentadoj, sed okazis entuziasmiga multhora babilado-kantado kun loka E-ensemblo "Aspiro". Tamen eĉ tio ne estis la fino de esperantumadoj: reavoje en Minsk mi havis tutan tagon por vagadi kun lokaj esperantistoj, diskutante pri problemoj iliaj kaj mondaj...

Estas dankendaj la afableco, gastamo, bonkoreco de miaj gastigantoj – la mastro de IF, Hans-Dieter Platz (HDP), la germanaj familioj Denzler, Breuninger, Grin, la minskanoj Miĥail Ŝelestov kaj Mikola Ramanoŭski. Sendante al ili tiun ĉi sinceran dankon, mi esperas, ke en estonto mi havos la ŝancon reciproke akcepti ĉiujn en mia urbeto. Bonvenon!

***Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)***

## DOKUMENTOJ PRI IAMA AKTIVULO

*Jen estas kelkaj dokumentoj pri aktiva esperantisto de la 1920-aj – 30-aj jaroj, unu el gvidantoj de SEU Adamo Jodko. La aŭtobiografio kaj skizo pri movadaj taskoj estis ekzamena laboro en Moskva Instituto de Esperanto, plenumita la 6-an – 7-an de aprilo 1918. La laboro ricevis la noton "bone" de la ekzamena komisiono, konsistinta el Korzlinskij, Saĥarov kaj Fridriĥsen. La tekstoj estas tre utilaj kaj por ekkoni la iam faman esperantiston, kaj por kompreni la etoson de la E-movado en periodo de la dua rusa revolucio. Krome, estas aldonata traduko de la respondo de Mogilova KŜS al la parencoj de Jodko, interesiĝintaj pri lia sorto kaj la tombo. Ni publikigas ankaŭ kelkajn rememorojn pri li de lia nevino.*

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

---

### Aŭtobiografio

Mi naskiĝis la 24[-an] de decembro 1892 en urbo Sluck (Minsk'a gubernio). Mia patro, Romualdo, filo de Mikaelo Jodko, estis litovo, kaj mia patrono Heleno kies fraŭlina nomo estis Dick, havis la patron de [la] germana deveno kaj [la] patrinon [de] pola nacio. Tiamaniere mi estas litovpolgermano, naskiĝinta en Blankrusujo, loĝanta en Rusujo kaj konfesanta religion de Kalvin. Oni komencis min instrui

pollingve sufiĉe frue, sed ne serioze. La rusan lingvon instruis al mi mia pli aĝa frato Vitoldo (nuntempe konata citristo) kaj poste rusa maljuna germano S-ro Baŭer, kiun mi tre amis malgraŭ lia severeco.

En la jaro 1903 (aŭtune) mi eniris preparan klason de loka vira gimnazio. En la jaro 1904, kiam mi estis lernanto de la klaso, mi ricevis pulmobrulumon kaj dum longa tempo ne povis resaniĝi. Kaŭze de tio en la unua klaso mi restis du jarojn anstataŭ unu. En tiu tempo mi komencis multege legi. Ĉar miaj gepatroj estis tro okupitaj por zorgi pri mia gimnazia lernado, mi preskaŭ tute forĵetis miajn lernolibrojn kaj okupis min per flankaj aferoj, kiuj plej interesis min; plejparte mi legadis kaj verkadis. Krom tio, estante lernanto de la 3a klaso, mi entreprenis eldonon de manskribata ĵurnalo «ПРИВЕТ» ("Saluton"), al kiu mi dediĉis preskaŭ mian tutan tempon. Sekve de tio mi devis lerni du jarojn ankaŭ en la tria klaso. En la 4a klaso mi pli zorgis miajn lecionojn dank' al admonoj de [la] gepatroj. Sed en la 1910 mi komencis ree min okupi per flankaj aferoj. Unue, mi fariĝis amatorobindanto kaj mi bindis ĉion, kio ŝajnis esti bindebla. En komenco de 1911 mi okaze sciiĝis pri Esperanto kaj fariĝis ĝia varmega adepto malgraŭ konstanta persekutado de mia gimnazia instruistino de franca lingvo sinjorino Julio Kjui (Kui), kiu malŝatante Esperanton sen ia kaŭzo, malpermesis al mi ĝin propagandi inter lernantoj kaj, ĉar [mi] ŝin malobeis kaj eĉ fondis neoficialan grupon esperantistan, ŝi "faligis" [*superskribita:* "malsukcesigis"] min dum ekzameno de franca lingvo. El tio rezultis, ke mi devis ripeti la tutan kurson de la kvina klaso en 1911-1912.


*Adam Jodko kun la dua edzino Agnessa Francuz. 1929-30.*

Post tiu tempo mi fariĝis jam pli singarda kaj, ne ĉesante propagandi Esperanton, mi akurate estis plenumanta miajn gimnaziajn devojn. En la 1915 mi finis la gimnazian kurson kaj eniris komence Kievan universitaton kaj poste filologian fakultaton de Moskva universitato (en septembro 1915).

La 19-an de majo 1916 mi estis mobilizita kaj lokigita en la trian Moskvan kornetan [*subskribita per krajono* "praporŝĉikan"] lernejon, kies kurson mi finis la 25[-an] de septembro 1916. Kiel korneto [praporŝĉiko], mi estis delegita [*forstrekita kaj superskribita* "sendita"] en la 197-an rezervregimenton en urbo Aleksandrov (gu-

bernio Vladimir). En februaro de la jaro 1917 oni min sendis en la 1-an kugloĵetistan [*forstrekita kaj superskribita:* "mitralilan"] regimenton en Oranienbaŭm. De tie oni tuj min delegis en la oficiran superan pafartan lernejon en Oranienbaŭm, kies tri-monatan kurson mi finis en majo de la 1917.

Pro revolucio oni min resendis en Aleksandrov, kie mi pro mia malsaneco okupis diversajn nefrontajn oficojn kaj inter alie tiun de regimenta fajrestingestro. En decembro de la sama jaro mi transiris en la 1-an polan rezervregimenton en Moskvo kaj nuntempe mi estas liberigota de militservo pro malbona stato de mia sano.

Kiel esperantisto mi sufiĉe multe tradukis el la rusa lingvo. El miaj verkoj estas presitaj ekzemple "la Faktoro" de I.Turgenev (Lingvo Internacia, No.5, majo 1914), "Super la senfundaĵo", "Larmoj nevideblaj" de Zasodimskij, "Vera heroo" de Ĵukovskij ("La Suno Hispana", 1913-1914) kaj aliaj malgrandaj artikoloj.

Moskvo, 6/IV-18
Adamo Jodko

---

**Aktuala tasko de la ruslanda esperantistaro por progresigi Esperanton**

Ĝis kiam okazis revolucio en Rusujo, adeptoj de lingvo internacia Esperanto devis suferi malsukcesojn kaj diversajn barojn. Ili estis rigardataj ne nur kiel fantaziuloj, sed ankaŭ kiel danĝeraj revoluciuloj. Dank' al tiu opinio rusa registaro diversmaniere malhelpis fondon de esperantaj societoj kaj grupoj, eldonon de gazetoj kaj libroj, organizon de kongresoj kaj kursoj.

Tial vere estas mirindaj la pacienco kaj persistemo de niaj pioniroj, kiuj malgraŭ ĉio ĉi propagandis nian sanktan ideon kaj ofte sukcese.

Sed jen okazis la revolucio, esperoj kaj revoj de rusaj esperantistoj ŝajnis esti baldaŭ efektivigotaj kaj nur la malfeliĉa milito ne permesis, ke ili fine ekspiru libere kaj diru: "Nun triumfo de Esperanto dependas de nia deziro". Do ili devas ankoraŭ atendi, ĝis ilia sankta ideo venkos la mondon! Sed oni povas konsoli sin, ke efektiviĝo de esperoj ja estas pli proksima, ol antaŭe kaj ni, rusaj esperantistoj, devas kaŭze de tio vigle "fosi nian sulkon", ĉar multon devas ankoraŭ fari.


*Agnessa kun la filo Edurd Jodko. 1929-30.*

Ĝis nun ni laboris dise kaj pro tio ni ne estis sufiĉe fortaj kaj aŭtoritataj. En diversaj urboj de Rusujo vere ekzistas propagandaj societoj, sed ĉiu scias, ke multaj el ili funkcias malbone – mankas sperto, scio kaj fortoj. Do oni devas vigligi la ekzistantajn societojn kaj aperigi novajn, ne forgesante helpi al ili morale kaj materiale, se tion ili bezonas.

Ni jam havas la centran organizon O.K.T.E.F., kiu ludos rolon de unuigilo de niaj fortoj. Sed ni devas ĝin subteni por ke ĝi ĉiam funkciu regule kaj estu

fruktoporta.

Kiam venos pli favoraj cirkonstancoj, kiam finiĝos la "ŝakala batalado" inter popoloj, oni devas nepre organizi la 3-an tutruslandan kongreson esperantistan, kiu devas esti bone organizota, por ke ĝin partoprenu multe da samideanoj. Kongresoj, similaj al tiuj en Peterburgo kaj Kievo, ne havis ja deziritan propagandan signifon pro malmulta nombro de kongresintoj.

Dum estonta kongreso oni devas priparoli multajn aferojn kaj akcepti gravajn decidojn. Sed por ke ĝi ne perdu tempon senbezone, oni devas jam nun prepari diversajn projektojn kaj por fari la projektojn, oni devas priparoli diversajn proponojn pere de oficiala presorgano (kiun ni bedaŭrinde ne havas nun, ĉar "La Ondo de Esperanto" ĉesis aperi). Oni devas streĉi ĉiujn siajn fortojn, por ke ni havu nian gazeton nuntempe.

Havante la presorganon ni povos pli facile propagandi nian lingvon. Ni instigos izolajn esperantistojn, ke ili organizu en iliaj urboj propagandajn societojn kaj esperantajn kursojn. Pere de nia O.K.T.E.F. ni helpos al ili morale kaj materiale. Kompreneble, ni devas ankaŭ zorgi, ke enirontaj en nian pacan armeon novaj gesamideanoj ne sentu mankon de lernolibroj, ĉar ĝi estas hontinda, kvankam reala fakto, kies atestantoj ni estas.

Laŭ mia opinio estas tute nenormale, ke nia nacia gazetaro preskaŭ nenion diras pri Esperanto. Ni devas propagandi persiste nian aferon inter la redaktoroj. Ni verkadu ruslingve diversajn artikolojn kaj sendu ilin en redakciojn.

Ĝi estas necesa, ĉar gazetaro estas cerbo de la kulturo. Kompreneble, propagandante, ni devas esti tute neŭtralaj, memorante, ke ĉar Esperanto estas io pli alta ol nacia interbatala politiko, ĝi devas esti super ĉiuj antaŭjuĝoj.

Jen estas mallonga skizo pri nuntempa tasko de rusa samideanaro kaj ni kredas, ke post efektivigo de ĉio, kion mi priparolis supre, "inter [la] popoloj dividitaj" elkreskos la nova sento (pri kiu revas ĉiu esperantisto) por eterna gloro de nia geniulo, amiko de la tuta homaro L.L.Zamenhof.

Moskvo, 7/IV-18

Adamo Jodko

---

**Respondo el KŜS al la informpeto de la parencoj de A. Jodko**

*Komitato de ŝtata sekureco en Belorusia SSR*
*Administrejo en Mogilova provinco*
*No. C-3075 de 28.08.91*
*u.Mogilov*

Estimata N.P.!

Pro via peto ni aldone esploris havatajn en la Administrejo de ŝtata sekureco de Belorusio arkivajn materialojn rilate al Jodko Adam Romualdoviĉ, senbaze reprezaliita en 1938.

Ni informas, ke li naskiĝis en 1893 en urbo Sluck de Minska provinco, en la familio de metiisto. Post fino en 1915 de la Slucka vira gimnazio li eniris Moskvan universitaton al histori-filologia fakultato. Post jaro li estis mobilizita al lernejo de suboficiroj [ŝkola praporsĉikov], poste estis direktita kiel estro de fajra brigado en la

197-a infanteria regimento, lokiĝinta en u. Aleksandrov. Fine de 1916 li estis direktita al la Okcidenta fronto en u. Oranienbaum, al mitralista lernejo. Por daŭrigo de servado denove foriris al Aleksandrov. Samjare pro malsano estis malmobilizita.

Post la malmobilizo venis Moskvon, laboris en la Tutrusia censo, poste eniris la maristan konstrutaĉmenton kiel helpanto de administranto de incendia inspekcio. En februaro de 1919 li estis direktita en la 5-an rezervan pafistan regimenton, lokigitan en u. Leningrad. Li estis instruktoro de mitralista taĉmento. Eniris Tutrusian komunistan partion (de bolŝevistoj). Fine de 1919 en ofico de komisaro de la 2-a Moskva regimento estis direktita al u. Tula. Batalis kontarŭ Denikin. Post la milito [en 1921?] revenis Moskvon, dum certa tempo estis en partia laboro, poste okupis postenon de estro de la informa kaj organiza fako de la arkiva administrejo de RSFSR. Fine de 1928 estis direktita al Belorusio. Laboris kiel estro de la Centra arkiva administrejo de Belorusia SSR, supera scienca laboranto de la Centra arkivo je la nomo de Oktobra revolucio en u. Mogilov.


*Minsk, 1930. Parencoj de Adam Jodko, fotis li.*

Dum la aresto lia familio konsistis el tri personoj.

La edzino, Francuz Agnessa Abramovna, la filo Eduard. En Moskvo loĝis la filo Vadim kaj la filino Marjana de la unua edzino, ankaŭ la frato Jodko Romuald Romualdoviĉ kaj fratino Jodko Jelena Romualdovna. La frato Vitold Romualdoviĉ troviĝis en Polio.

23-an de aŭgusto 1937 li estis arestita de Mogilova NKVD pro senbaza akuzo pri spionado. Laŭ ordono de popolkomisaro de la internaj aferoj kaj prokuroro de USSR de la 6-a de decembro 1937 estis pafekzekutita la 13-an de januaro en u. Mogilov.

Grandbedaŭrinde, informoj pri la loko de entombigo en la arkivaj materialoj ne ekzistas.

Per Decido de la Armea tribunalo de la Belorusia armea arondismento de la 5-a de novembro 1957 la afero estis ĉesigita pro manko de krimo kaj li estis rehabilitita.

Kiu el esperantistoj de Belorusio estis reprezaliita kune kun Jodko A.R., ni ne scias, kaj informoj pri tio en la arkivaj materialoj mankas.

Vicestro de AKŜSB
G.P.Presnakov

### El rememoroj de N.M. Francuz-Ĥavina-Kaufman, nevino de Agnessa Francuz, la dua edzino de A.Jodko

Neniu el parencoj de Adam Romualdoviĉ sciis pri lia sorto post la aresto: nek la unua lia edzino, nek mia onklino. Post la 20-a Kongreso lia malpliaĝa filo Eduard Jodko, demandinte KŜS, ricevis paperon pri rehabilito. Sed ĉu li mortis en ekzilo, ĉu en bagno pereis, ĉu estis mortturmentita aŭ mortpafita?.. Neniun sciigon de li iu ricevis. Mia patro opiniis, ke, plej verŝajne, li pereis baldaŭ post la aresto. Sed ĉar nenio estis sciata precize, longe vivis la espero ĝis la lasta demando al KŜS kaj ilia respondo.

Mi tre bone memoras Adamon Romualdoviĉ-on. Mi – tiam 13-jara knabino – vidis lin nelonge antaŭ la aresto, kaj por la tuta vivo ekmemoris liajn larĝe malfermitajn atentemajn okulojn kaj nekutime seriozan vizaĝon, direktitan al mia patro. Jam dum kelkaj horoj ili sidis duope en la plej granda ĉambro kaj pri io mallaŭte konversaciis. La patro petis ne maltrankviligi ilin kaj ne eniri. Estis jam malfrua vespero, mi volis malbrue paŝi al la dormoĉambro kaj nur malfermis la pordon – Adam Romualdoviĉ turnis al la pordo lumigitan de la abaĵuro vizaĝon kaj ekrigardis min – rekte, serioze, kiel plenkreskulinon. Mi neniam vidis lin tia; kaj mi malbrue fermis la pordon. Por la tuta vivo mi tion ekmemoris.

Li estis elstara homo, vera inteligentulo. Li ĉion scipovis. Li estis vaste klerigita, senprofitema kaj mirinde delikata. Lin ne eblis ne estimi kaj ne ami.

Lia edzino Agnessa pereis en 1943 en la partizana taĉmento apud Minsk, kien ŝi trafis post fuĝo helpe de rusaj amikoj el geto, kiu baldaŭ – en 1942 – estis plene neniigita.

Lia nepo Vadim Eduardoviĉ nun loĝas en Germanio.

## LA 1-A TREJNADO “GVIDU LA ‘FLUGILOJN’!”

Aŭguste 2006, dum UK-91 en Florenco, la prezidanto de ILEI Radojica Petroviĉ proponis al mi kunordigi la porinstruistajn seminariojn “Flugiloj de Malfcila Vento” (mi jam gvidis tiujn dum IJK-oj en Kovrov kaj Zakopane). Tiel naskiĝis la projekto “Flugigi la Flugilojn”, celanta eduki junajn instruantojn de Esperanto. La projekto inkludas porgvidantan trejnadon “Gvidu la ‘Flugilojn’!” kaj la porinstruistajn seminariojn “Flugiloj de Malfacila Vento” (FMV).


*Svetlana Gonĉarova*

La 27-31-an de decembro 2006 enkadre de la Ago-Semajno (AS-4) en Nowy Sącz (Pollando) okazis la 1-a Trejnado “Gvidu la ‘Flugilojn’!” por estontaj gvidantojn de FMV. Necesas mencii, ke ekzistas sufiĉe severaj kondiĉoj por la “Gvidu”-kandidatoj. Tiuj devas esti gejunuloj kun pedagogia aŭ/kaj lingvistika klero, kun instruista sperto, libere



*Diana Sakajeva*

parolantaj en Esperanto kaj pretaj dediĉi sin por gvidado de FMV enkadre de esperantistaj aranĝoj. Dum kelkmonata preparperiodo kaj aktiva reklam-kampanjo ni sukcesis trovi, bedaŭrinde, nur 2 eksterlandanojn (el Brazilo kaj Hispanio), sed, feliĉe, ĉ. 15 rusianojn, kiuj respondas al la menciitaj postuloj. Sed el tiuj sukcesis veni nur 4, nome: Svetlana Gonĉarova (Odincovo), Kirill Grustnjov (Ĵukovskij), Aleksandr Osincev (Jekaterinburg) kaj Diana Sakajeva (Niĵnij Novgorod).

Endas diri, ke ĉiuj rusiaj gvidontoj aliĝis al ILEI, forminte kune kun mi la minimuman membrokvanton por ke ekestu la landa sekcio. Do, rezulte reaperis la Rusia ILEI-Sekcio, al kiu ni bonvenigas aliĝi ĉiujn rusiajn esperantistojn, kiuj havas iun rilaton aŭ intereson al instruado.

La laboro de "Gvidu!" pasis dum 4 tagoj kaj konsistis el 4 poduhoraj sesioj. Estis traktitaj la jenaj temoj: administrado de FMV, financaj konceptoj de la projekto "Flugigi la Flugilojn", partoprenantaro de FMV, kiu rajtas ricevi la Ateston de FMV, kiel kaj kion instrui dum FMV, planado de FMV-2007. Ĉio estas dokumentita kaj atingeblas rete.

Dum la 3-a labortago la partoprenantoj demonstris antaŭ la kolegoj kaj interesiĝanta publiko po unu 15-minuta lecion-fragmento. La sekvan tagon okazis analizo kaj taksado de tiu ĉi laboro. Oni traktis ankaŭ ĉies rezultojn pri plenumado de administraj taskoj, ricevitaj kaj faritaj enkadre de "Gvidu-1" (protokolado, verkado de instrukcioj, preparo de la publikaj elpaŝoj, kolektado de ILEI-kotizoj ktp). Jam dum AS por la gvidantoj de "Flugiloj" unu el la studantoj funkciigis specialan dissendoliston.

De administra vidpunkto estis pridiskutitaj kaj priskribitaj ĉiuj paŝoj de la sukcesa FMV-organizado. Por realigi la seminarion bezonatas 3 funkciuloj: administranto, gvidanto de metodika parto, gvidanto de gramatika parto. Ĉiu partoprininto de "Gvidu…" estis trejnita kiel administranto, kaj ĉiu difinis sian gvidotan terenon kiel metodikisto (Aleksandr, Diana, Svetlana) aŭ gramatikisto (Kirill). Ĉiuj trejnitoj de "Gvidu-1" ricevis la koncernajn Atestojn.



*Kirill Grustnjov*

Malgraŭ tio, ke ĉiuj 6 "Gvidu"-partoprenintoj esprimis deziron jam en 2007 praktiki gvidadon de FMV, ni venis al la konkludo, ke bezonatas ankaŭ praktika staĝado ĉe spertaj FMV-gvidantoj. Tiu staĝado por kelkaj okazos somere 2007 dum la Kon-

greso de Eŭropa Esperanto-Unio (EEU) en Maribor (Slovenio), kiu jam invitis la “Flugilojn” en sian programon.

Por la seminario “Flugiloj de Malfacila Vento” estis rekomenditaj la amasaj E-aranĝoj: EEK (junulara programo), IJK, IJS (Hungario), IS (Germanio), IJF (Italio), SEJT (Rusio) kaj ajna amasa E-aranĝo, kiu invitus FMV kaj pretus kunsolvi ties organizajn taskojn. La lastaj inkludas ankaŭ financan kompenson de loĝado kaj manĝado por 2 FMV-gvidantoj; povas okazi iuj kromaj financaj interkonsentoj, ekzemple, pri pripago de vizoj aŭ parta financado de la staĝantoj.


*Aleksandr Osincev*

Ni esperas, ke la interesa sperto de la 1-a trejnado inspiros la aliajn taŭgulojn, kaj rusiajn, kaj alilandajn, aliĝi al “Gvidu-2”, kiu, kondiĉe se troviĝos ne malpli ol 6 personoj, okazos jarfine dum AS-5. Eble, iun helpos aliĝi la fakto, ke ĉiuj rusiaj partoprenintoj ricevis de la patronaj organizaĵoj financan kompenson pro la loĝado kaj manĝado. Por aliĝi al “Gvidu-2” necesas sin turni al la aŭtoro de la artikolo (la adreso estas <mirinda.strigo@gmail.com>). Bonvenon!

***Irina Gonĉarova, kunordiganto de la projekto “Flugigi la Flugilojn”***

## LA ESPERANTISTO DE LA JARO 2006

La sendependa internacia magazino “La Ondo de Esperanto” iniciatis en 1998 ĉiujaran proklamon de la Esperantisto de la Jaro. Al la projekto aliĝis reprezentantoj de diversaj tendencoj en la Esperanto-komunumo kaj sendependaj kompetentuloj.

Kiel la unua laŭreato en 1998 estis elektita William Auld. En 1999 lin sekvis Kep Enderby. En 2000 estis distingitaj tri personoj: Hans Bakker, Mauro La Torre kaj Jouko Lindstedt. Poste laŭreatiĝis Osmo Buller (2001), Michel Duc Goninaz (2002), Dafydd ap Fergus (2003), Helmar Frank (2004), Povilas Jegorovas (2005).

Ĉi-jare estis proponitaj 21 personoj, al kiuj la elektantoj povis doni siajn voĉojn. La rezulto de la voĉdonado: Peter Balaž (1 voĉo), André Cherpillod (1), Antonio De Salvo (1), Bharat Ghimire (1), Albrecht Kronenberger (1), Hori Yasuo (1), Petr Chrdle (2), István Ertl (2), Ilona Koutny (2), Stefan Maul (2), Barbara Pietrzak (3), Humphrey Tonkin (3), Chuck Smith (4), Peter Zilvar (5), Bertilo Wennergren (6).

Do sveda esperantisto ***Bertilo Wennergren,*** loĝanta nun en Koreio, estas proklamita kiel la Esperantisto de la Jaro 2006 pro la “Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko” (PMEG). Intervjuo kun Bertilo Wennergren aperis en la januara kajero de “La Ondo de Esperanto”. Pliajn informojn pri la projekto kaj intervjuojn kun ĉiuj antaŭaj laŭreatoj legu rete ĉe <http://www.esperanto.org/Ondo/Ind-jaro.htm>.

***Halina Gorecka (Kaliningrad), eldonanto de “La Ondo de Esperanto”***

## ESTRARA RAPORTO

*por la 23-a Konferenco de REU*

**Enkonduko**

La nuna Estraro raportas malpli ol duonjaron post la antaŭa raporto, kiu estis prezentita en aŭgusto 2006. Tamen dum tiuj monatoj okazis multaj gravaj aktivadoj, kiujn ni provis sumigi kaj priskribi en tiu ĉi raporto. La raporto estas dividita je temaj partoj – kun indiko pri la raportanta aŭ respondeca estrarano. Oni konsideru, ke la temaj partoj ne estas "aŭtoraj", sed kombinitaj el diversaj personaj raportoj de la estraranoj – ja malofte oni okupiĝas nur pri unu direkto, ofte niaj agadoj interplektiĝas. Escepto estas "Regiona agado" de Rafija Kudrjavceva, kiun la redaktinto preferis lasi senŝanĝa – por ne perdi ĝian inspiran etoson.

Bonan legadon!

***Andrej Grigorjevskij, la redaktinto***

**Amasaj tutlandaj aranĝoj 2007** ***(Andrej Grigorjevskij)***

Aŭtune 2006 komenciĝis aktivaj preparadoj al okazigo de someraj aranĝoj en 2007. Tre bonŝance vere taŭga loko por okazigo de RET-07 estis proponita de Volgograda EJC "Stelaro". Simile sukcesa estis eltrovado de loko por REK-25 kaj EoLA-19, kiuj okazos en Tiĥvin en marto 2007. Por la aranĝoj estis produktitaj profesinivelaj koloraj informleteroj, kiuj dissendiĝis kun REGo kaj al personaj adresoj, disdoniĝis dum eksterlandaj E-renkontiĝoj. Laŭ la momenta statistiko RET-07 havas la ŝancon iĝi unu el la plej amasaj tutlandaj E-renkontiĝoj en Rusio dum multaj jaroj: fine de januaro 2007 al ĝi jam aliĝis pli ol 150 personoj.

> Al la 7-a de februaro al RET-07, kiu pasos aŭguste ĉe Azova maro, aliĝis jam 159 personoj el 8 landoj: Britio, Francio, Germanio, Hungario, Norvegio, Rusio, Ukrainio, Usono. Laŭ kvanto kaj kvalito de la partoprenontoj (espereble ankaŭ laŭ la programo) la aranĝo promesas esti la plej altnivela rusia E-aranĝo dum kelkaj lastaj jaroj. Vidu ĉiujn detalojn ĉe <www.stelaro.ru>.

**Informado** ***(Nikolaj Gudskov)***

Daŭras rezultoj de la kampanjo "Esperanto – en la eldonejojn!", organizita de REU en 2005. La unua kunlaboranta eldonejo – "Vostok-Zapad" el la grupo AST – daŭre vendas tutlande jam eldonitajn librojn kaj preparas pliajn eldonojn. La 29-an de januaro en la presejon estis sendita lernolibro "Gerda malaperis" de Irina Gonĉarova, surbaze de la fama instrua romaneto de Claude Piron. En la librejoj ĝi aperos jam februare-marte. Fine de 2006 nin ekkontaktis plia eldonejo – ĉi-foje "Academia" (pri nia iama propono ili vere longe cerbumis). Al "Academia" estis transdonitaj por konatiĝo lernolibro de B.Kolker (surbaze de lia kurso en "Ĥimija i ĵiznj") kaj

parto de la vortaro de B.Kondratjev. La decido de la eldonejo je la raportfina momento ankoraŭ ne estis konata. (Ankoraŭfojan dankon al moskvaj REU-aktivuloj Maksim Ĵitĉenko, Mikaelo Ĉertilov, Nikolaj Gudskov kaj Irina Gonĉarova, kiuj zorgis pri la kampanjo!)

En novembro-decembro 2006 REU preparis kaj eldonis kvin kolorajn E-varbilojn – prezentitajn en la antaŭa numero de REGo. La serio de la varbiloj certagrade estas senprecedenca ne nur en Rusio, sed ankaŭ tutmonde. Preparis la varbilojn Andrej Grigorjevskij, ege valoran helpon prezentis REU-membro Maksim Griŝin, kunlaboranto de la moskva presejo, kie la varbiloj produktiĝis.

En januaro 2006 surbaze de unu el la varbiloj en Uljanovsk estis produktitaj E-kalendaretoj. Interkonsente kun Uljanovska E-klubo REU proponis al E-kluboj mendi ilin senpage, kun nepra kondiĉo, ke ĉiuj senpage ricevitaj kalendaretoj devas esti disdonitaj al interesiĝantaj neesperantistoj. Entute venis 14 mendoj el 4 landoj: Rusio, Ukrainio, Uzbekio kaj Pollando. La kalendaretoj estos disdonotaj dum informaj kampanjoj en februaro-marto 2007.

Fine de januaro 2007 REU kaj UEA interkonsentis, ke REU sendos pakaĵojn da novaj ruslingvaj varbiloj al E-organizoj en ses ekssovetiaj landoj. Krome, unu el niaj afiŝoj estos reeldonita en kvar naciaj lingvoj. La kostojn de la projekto surprenis la Fondaĵo Informado de UEA.

En la amaskomunikiloj kaj la rusia Interreto en la raportata periodo Esperanto estis relative ofte menciata en decembro 2006 pro okazigo de la unua Moskva Lingva Festivalo. Nova sperto estis aktiva reeĥo, kiun kaŭzis publikigoj en blogoj kaj forumoj. Sed ankaŭ la tradiciaj amaskomunikiloj, al kiuj gazetaran komunikon dissendis Nikolaj Gudskov, kontribuis.

**<u>Eldonaĵoj</u>** ***(Nikolaj Gudskov)***

En la raportata periodo REU publikigis kolekton de moskvaj E-poetoj "Moskvaj Sonoriloj" helpe de la eldonejo "Impeto" (januaro 2007). La ĉefa tradicia eldonaĵo estis Jarlibro 2006. Ĝi enhavis kutimajn erojn, kiel la membrolistojn, Kontaktan Adresaron, sed ankaŭ la novajn – temas pri la konsilaroj pri kluba agado kaj organizado de Lingvaj Festivaloj.

**<u>Regiona agado</u>** ***(Rafija Kudrjavceva)***

Dum tiu ĉi periodo oktobre en Soĉi okazis jam la dua sudrusia regiona E-aranĝo TILE-2 (Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto), subtenata de REU. Por februaro 2007 estas planataj ankoraŭ du regionaj E-renkontiĝoj: "ERA" en Ĉeboksari kaj "Apero-2" proksime de Moskvo. Por pli posta tempo estas preparataj ankoraŭ du regionaj renkontiĝoj: dum majaj festoj – "EsPrimo-4" (Esperantista Primavero) en Tjumenj (Uralo) kaj julie – "RA-5" (Renkontiĝo de Amikoj) en Siberio ĉe la lago Bajkal. Por "EsPrimo-4" en Uralo ni planas inviti A.Melnikov, kaj ni jam anticipe priparolis lian partoprenon, nun mi provas kontakti estraranojn de Jekaterinburga Pedagogia Universitato por ricevi oficialan invitilon por li kaj, uzante tiun okazon, organizi en la universitato liajn lekciojn pri interlingvistiko kaj esperantologio, eble ni sukcesos fari tiujn lekciojn en kelkaj uralaj urboj: Jekaterinburg, Niĵnij Tagil, Tjumenj. Mi daŭrigas miajn penojn teamigi uralajn kaj parte siberiajn E-aktivulojn

por kune prepari E-aranĝojn en nia regiono kaj teame partopreni tutlandajn E-aranĝojn: REK-EoLA marte en Tiĥvin kaj RET-07 somere.

Se paroli pri interkluba laboro, dum tiu ĉi periodo ni sufiĉe sukcese realigis eksperimenton aŭ projekton (mi ne scias, kiel nomi pli bone) pri interkluba laboro, kiam esperantistoj de du E-kluboj el najbaraj uralaj urboj, situantaj je distanco de 4-5 trajn-horoj, ne nur unufoje renkontiĝas dum la jaro enkadre de regiona renkontiĝo, sed ekde septembro regule laŭvice interŝanĝas vizitojn, preskaŭ ĉiumonate. Do, septembre tjumenanoj grupe vizitis Jekaterinburgon por partopreni laŭteman klubkunvenon, kiu nomiĝis "Vojaĝi per Esperanto"; oktobre jekaterinburganoj veturis Tjumenon por partopreni festan klubkunvenon, kie kune festis naskiĝtagon de ilia klubgvidanto; decembre ili denove vizitis nin por partopreni Zamenhof-tagon; por kunfesti la Novjaron veturis kelkaj niaj gejunuloj en Tjumenon. Februare tjumenanoj grandgrupe planas veni Jekaterinburgon por partopreni nian vican laŭteman klubkunvenon. Similaj interklubaj rilatoj, eble iom malpli aktivaj, estas inter esperantistaro de ankoraŭ du uralaj urboj: Ĉeljabinsk kaj Miass. Kreskas tendenco starigi la samajn interklubajn kontaktojn inter Jekaterinburg kaj Ĉeljabinsk, espereble ankaŭ inter Jekaterinburg kaj Niĵnij Tagil. Mi speciale tiom detale skribis pri tio, ĉar opinias, ke tiu ĉi sperto estas menciinda ĝuste en la jaro kiam estas elektita kiel temo de agadperiodo "Regiona (kluba) agado". Krome estis funkciigita regiona dissendolisto "Ural-Siberio", kiu multe helpas al plifortigo de regiona agado.

**Junularo** ***(Irina Gonĉarova)***

Dum OkSEJT en Volĵskij, inspirata de Vitalij Malenko, aperis Iniciata Grupo por reaktivigi REJM-on, kiun eniris pluraj junaj aktivuloj, partoprenintaj en OkSEJT. Okazis trejnadoj, pridiskutoj, planadoj de agado ktp, kiuj daŭris dum la retaj kaj ĉeestaj REJM-kunvenoj la tutan aŭtunon. Rezulte la 4-6-an de novembro en Niĵnij Novgorod okazis Rusia junulara E-Kongreso (REJK), kiun organizis kaj partoprenis ĉ. 40 personoj. Formiĝis la REJM-Estraro el 4 personoj (Vitalij Malenko, Katja Predaĉenko, Diana Sakajeva, Maŝa Terjoĥina) kaj la komitato el ĉ. 10 gejunuloj. Kelkan tempon vigle funkciis interreta forumo pri la aktualaĵoj. Nun la agado estingiĝis. Tio estas ligita al longaj eksterlandaj vojaĝoj de la "motoro" de REJM – Vitalij Malenko, kiu forestas en Rusio ekde decembro 2006 kaj revenos nur fine de marto 2007. Oni decidis ne okazigi en 2007 OkSEJT-on, sed lanĉi internacian projekton pri okazigo de interslava junulara E-aranĝo en Pollando, fine de julio 2007 – tuj antaŭ Eŭropa E-Kongreso en Slovenio.

**Lingvaj Festivaloj** ***(Irina Gonĉarova)***

La 21-22-an de novembro okazis la 11-a Lingva Festivalo en Ĉeboksari – la ĉefa LF en nia lando kaj eble eĉ la tuta mondo. Krom multnombra publiko ĝin partoprenis ankaŭ ĉ. 30 aliurbaj esperantistoj, i.a. organizantoj de estontaj LF-oj en Moskvo kaj Peterburgo.

La 17-an de decembro EK MASI la unuan fojon realigis Lingvan Festivalon en Moskvo. La klubanoj organizis enorme fortan reklam-kampanjon, ĉefe tra Interreto. Al la Festivalo estis allogitaj multaj gejunuloj-lingvistoj aŭ reprezentantoj de naciaj societoj, ankaŭ maturaĝaj profesiaj lingvistoj; ĉiuj tre ŝatis la ideon de la aranĝo, la

organizadon kaj la etoson. Entute estis prezentitaj 30 lingvoj. La Festivalon vizitis pli ol 200 gastoj. En la Festivalo regis rimarkinda Esperanta fono. En la organizado kaj lingvaj prezentoj partoprenis ĉ. 20 klubanoj kaj ĉ. 10 neesperantistoj, kelkaj lingvoj estis prezentitaj de esperantistoj, kiuj ne membras en EK MASI. Okazis 5 prezentoj de Esperanto kaj multnombraj mencioj de Esperanto flanke de esperantistoj, elpaŝintoj pri aliaj temoj. En la ĉ. 90 plenigitaj enketiloj Esperanto 17-foje estis menciita kiel lingvo, kiun la partoprenintoj ŝatus lerni (la plej ofta mencio). La sekva LF en Moskvo estas planata por la fino de septembro (la 26-a de septembro estas Eŭropa Tago de Lingvoj).

Daŭras preparoj por LF en Sankt-Peterburg. Kiel jam estis anoncite, ĝi okazos la 4-an de marto, tuj antaŭ REK kaj EoLA en Tiĥvin, kaj tial aliurbaj e-istoj povus partopreni laŭvoje ankaŭ en tiu ĉi aranĝo. Normale devos okazi ankaŭ LF en Volgograd, kiu tradicie pasas meze de printempo.

**Instru-metodika laboro** ***(Irina Gonĉarova)***

En la raportata periodo ni konas pri jenaj E-kursoj en Rusio:

– FaRo-17 kaj FaRo-18 en Moskvo (septembre-decembre), kiujn finis sume iom malpli ol 20 personoj;

– kurso ĉe Moskva E-Centro (ekzameniĝis 10 personoj);

– kurso de Diana Sakajeva en Niĵnij Novgorod (finis ĉ. 10 personoj);

– kurso de Konstantin Ĥlizov en Irkutsk;

– kurso de Rafija Kudrjavceva en Jekaterinburg;

– kursoj en Ĉeboksari, post LF.

Pri pliaj ĉeestaj kursoj bedaŭrinde estas nur onidiroj kaj neniuj konkretaj informoj. Tre verŝajne ili okazis en Volgograd, Ivanovo, Krasnojarsk, Tiĥvin, Tjumenj, Soĉi. Povas esti – en Kazanj, Jelec, Sankt-Peterburg, Vladivostok.

Rete daŭre aktivas “Esperanto-kurso” ĉe la servilo Yahoogroups.com, sed la retaj kursoj de A.Grigorjevskij provizore ne funkciis.

Rafija kaj Viktoro Kudrjavcev-oj daŭrigas sian laboron pri koresponda E-kurso. Por varbi dezirantojn lerni la lingvon ili dissendas la informojn pri Esperanto kaj la kurso en diversajn rusiajn gazetojn, entute dum tiu ĉi periodo estis publikigitaj pli ol dudek artikoloj diversloke. La lernantoj estas el diversaj regionoj de Rusio, sed fojfoje ankaŭ el Kazaĥio kaj Belorusio. Kelkaj el la finintoj partoprenas poste E-aranĝojn kaj restas aktivi en Esperantujo.

Aŭtune kunlabore kun ILEI kaj E@I estis ellaborita nova projekto “Flugigi la Flugilojn”, kiu aldonis al la jam funkcianta porinstruista seminario “Flugiloj de Malfacila Vento” novan Trejnadon por junaj ĝiaj gvidontoj – “Gvidu la ‘Flugilojn’!”, kiu la unuan fojon pasis dum AS-4 en Pollando (27-31.12.2006). La tutan projekton kunordigas Irina Gonĉarova, kiu gvidis ankaŭ la Trejnadon dum AS. Al la partopreno en “Gvidu...” estis invititaj gejunuloj de TEJO-aĝo, havantaj filologian aŭ pedagogian kleron kaj bone posedantaj Esperanton. El 6 studintoj estis 4 rusianoj – el Moskva regiono (2), Jekaterinburg kaj Niĵnij Novgorod. Ĉiuj aktivis dum la 4 poduhoraj laboraj sekcioj, inkluzive prezenton de malfermaj lecionetoj por la publiko. Ĉiuj ricevis la atestojn pri la sukcesa partopreno de la Trejnado kaj rekomendojn iĝi

staĝantoj dum la proksimaj "Flugiloj", post kio – jam organizi kaj gvidi tiun ĉi seminarion memstare. Ĉiuj iĝis membroj de ILEI por 2007, kaj tio signifas aŭtomatan reaperon de Rusia ILEI-Sekcio (5 pagintaj membroj).

En la instituto de distanca klerigo "Info-Ruthenia" ekde 2007 oni komencis instrui Esperanton kiel devigan studobjekton al ĉiuj studentoj. Lige kun tio venis la propono pri surbendigo de la fragmentoj el la lernolibro de Irina Gonĉarova "Esperanto dlja meĵdunarodnogo obŝĉenija" kaj pri verko de metodikilo al la lernolibro por memstara lernado.

Dank' al G.M.Ŝilo, la rektoro de Eŭropa Jura Universitato "Justo" (Moskvo) daŭras la klopodoj krei oficialan programon pri E-instruado por superaj lernejoj. Oficialuloj el Ministerio pri Klerigado kaj Akademio de klerigado konsentis retrakti la demandon, kaj nun prepariĝas specialaj koncernaj kunsidoj kaj raportoj.

**Membraro** ***(Andrej Grigorjevskij)***

En 2006 REU havis pli da membroj ol en ajna alia jaro post 2000. Ni esperas, ke ankaŭ en 2007 la tendenco daŭros. Almenaŭ eble pri tio atestas la fakto, ke ĝis la mezo de januaro 2007 ni ricevis je ĉ. triono pli da aliĝoj ol en la sama periodo antaŭ unu jaro. Por tio oni vidas plurajn kialojn, i.a. atendatajn grandajn REU-aranĝojn en 2007, sed certan rolon ludis ankaŭ amasa alskribado al iamaj membroj, kiun REU efektivigis komence de decembro 2006. Al la "iamuloj", laŭ la rekomendo, akceptita ankoraŭ dum la REU-Konferenco en Jekaterinburg, estis senditaj informoj pri REU kaj pri ĝiaj aranĝoj.

**Agado por estonto: UK en Rusio** ***(Andrej Grigorjevskij)***

Daŭre okazas diversaj esploroj por inviti Universalan Kongreson de Esperanto al Rusio. En decembro 2006 moskva iniciata grupo, subtenata de REU, transdonis pakaĵon de dokumentoj pri UK kaj Esperanto al la urbestraro de Moskvo. Ĝenerale la propono estis pozitive traktita sur la nivelo de vicurbestroj. Nun estas atendata la fina decido sur la plej alta urba nivelo.

## REU KAJ KLUBOJ

REU iĝus multe pli sukcesa organizo, se ĝi kapablus integriĝi kun siaj aliĝintaj kluboj. Dum pluraj jaroj REU ĉefe "prezentis servojn", kio estas la ĉefa allogilo por la individuaj membroj. Ĝi eldonis la Jarlibron, organizis renkontiĝojn, kontribuis al REGo, prizorgis Libroservon kaj libroeldonadon. Tio estas bona bazo, sed jam ne sufiĉa. Por ke la movado kresku, necesas ke la kluboj plifortiĝu kaj eduku novajn aktivulojn. Necesas, ke aperu novaj kluboj, novaj aktivuloj... Ke okazu kursoj. Ktp.

En 2006 dum la REU-Konferenco en Volĵskij oni petis, ke krom la estraranoj de REU raportu pri sia agado la reprezentantoj de kluboj. Tio estis unu el la plej interesaj partoj de la Konferenco. Sonis informoj pri realaj spertoj, bezonoj, mankoj – kaj proponoj, kion oni devas fari por subteni la lokan movadon. Bedaŭrinde, necesas konstati, ke kvankam la ĝeneralan ("kutiman") agadon de REU la Konferenco taksis kontentiga, la kluban agadon oni deklaris neekzistanta. Jes, vere estas tiel.

Mi tre esperas, ke la estonta Konferenco de REU en Tiĥvin iros pli malproksimen ol la antaŭa. Ke tie oni ne nur dediĉos grandan parton de la tempo al traktado

pri klubaj demandoj, sed ankaŭ atingos interkonsentojn pri kuna agado por plifortigo de la kluba movado – pere de REU.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## REU-MEMBROJ POR 2007

### DUMVIVAJ MEMBROJ

*Abolskaja Meri (Sankt-Peterburg), Aĥmet Gulnara (Kazaĥio), Andrjuŝkin Igorj (Moskvo), Aroloviĉ Viktor (Moskvo), Belov Aleksandr (Leningrada reg.), Berdiŝev Viljam (Moskvo), Bronov Sergej (Krasnojarsk), Ciganov Oleg (Sankt-Peterburg), Cvetkova Valerija (Sankt-Peterburg), Ĉerenkova Larisa (Rjazana reg.), Ĉertilov Miĥail (Moskva reg.), Derevjanniĥ Sergej (Moskva reg.), Diesjatz (San Marino), Gluĥov Aleksandr (Kaliningrad), Gluŝik Vladimir (Ukrainio), Gnedaŝ Nikolaj (Krasnodara reg.), Gonĉarova Irina (Moskva reg.), Grigorenko Vasilij (Ukrainio), Griŝin Nikolaj (Latvio), Gudskov Nikolaj (Moskvo), Jakovlev Jurij (Pskova reg.), Ĵuravljov Aleksej (Krasnojarsk), Karcev Jurij (Uljanovsk), Kauc Valdemar (Estonio), Kokolija Georgij (Moskvo), Kolganov Andrej (Usono), Kolker Boris (Usono), Kozin Igorj (Vologda), Kurolap Zinovij (Kanado), Kuznecov Sergej (Moskvo), Laskina Marina (Tula reg.), Lipec Vladimir (Moskvo), Medvedev Lev (Moskvo), Melnikov Valentin (Moskvo), Miĥajlov Nikolaj (Leningrada reg.), Paseĉnikov Jurij (Tomsk), Pogorelaja Svetlana (Ukrainio), Roganova Rimma (Perma reg.), Salomatov Aleksej (Moskvo), Sapoĵnikov Aleksandr (Ivanova reg.), Seguru Valentin (Moskva reg.), Sidorov Anatolij (Sankt-Peterburg), Ŝapoŝnikova Larisa (Arĥangeljsk), Tjuljaĥov Spartak (Jakutio), Tujakin Georgij (Moskvo), Voloŝin Vjaĉeslav (Ulan-Ude), Vulfoviĉ Lev (Germanio), Zozulja Boris (Rostov-na-Donu)*

### INDIVIDUAJ MEMBROJ

*Alikin Viktor (Permj), Andrejsons Sergej (Sankt-Peterburg), Baklickaja Ksenija (Tjumenj), Basov Gennadij (Moskvo), Belenjuk Galina (Soĉi), Bespalov Vladimir (Soĉi), Blinov Aleksandr (Ĉeboksari), Bojĉin Jevgenij (Birobiĝan), Bolŝakov Roman (Moskvo), Bronŝtejn Mikaelo (Leningrada reg.), Burgar Lilija (Rostova reg.), Cvileneva Nina (Ufa), Ĉupin Bronislav (Iĵevsk), Demĉenko Jevgenij (Brjansk), Derjugin Aleksandr (Saratov), Djomuŝkina Nina (Leningrada reg.), Edelŝtejn Vladimir (Moskvo), Gadirova Diljara (Toboljsk), Garibjan Sergej (Soĉi), Golovkina Anastasija (Tjumenj), Gonĉarov Anatolij (Krasnojarska reg.), Gorŝkov Miĥail (Niĵnij-Novgoroda reg.), Grankina Nadeĵda (Soĉi), Grankina Polina (Soĉi), Griŝin Maksim (Moskvo), Ĥlizov Konstantin (Irkutsk), Istomina Natalja (Ĉeljabinska reg.), Ivanov Vjaĉeslav (Sankt-Peterburg), Ivasenko Anatolij (Krasnodar), Jaĥina Alla (Krasnojarsk), Jaroŝenko Jelena (Rostova reg.), Kandalinskij Viktor (Leningrada reg.), Kapitonov Danil (Ĉeboksari), Kitajkin Ivan (Ĉuvaŝio), Kivajev Jurij (Mari El), Konjaŝova Svetlana (Ĥabarovska reg.), Kroter Stanislav (Sverdlovska reg.), Kuljkov Jevgenij (Vladimir), Kuznecov Miĥail (Leningrada reg.), Lariĉev Vladimir (Moskvo), Lenskaja Galina (Moskva reg.), Liskov Andrej (Moskvo), Loskutova Tatjana (Ivanovo), Loŝmanov Anton (Komsomoljsk-na-Amure), Lukjanov Vladimir*

*(Kurska reg.), Merkulov Vladimir (Moskvo), Miljnikov Jurij (Arĥangeljska reg.), Milner Aleksandr (Moskvo), Minin Vladimir (Tomsk), Novikova Ludmila (Moskvo), Obrazcov Konstantin (Tomsk), Odincov Aleksej (Permj), Opletajev Vladimir (Surgut), Perepelica Vladimir (Moskva reg.), Poliŝĉuk Irina (Soĉi), Poliŝĉuk Valentina (Moskva reg.), Rezniĉenko Aleksandr (Krasnodarska reg.), Roĵdestvenskij Vjaĉeslav (Ĉeljabinsk), Saljkova Galina (Jelec), Samodaj Vladimir (Moskvo), Sibirceva Valentina (Lipecka reg.), Smetanina Svetlana (Moskvo), Stepaĉjova Marina (Tjumenj), Strelec Sergej (Ĉeljabinsk), Sudakov Vladimir (Primorska reg.), Surnakin Anatolij (Moskvo), Ŝĉerbatiĥ Irina (Jelec), Ŝevĉenko Aleksandr (Moskvo), Tarĥan Ermita (Moskvo), Terentjeva Galina (Ĉeljabinsk), Tonkova Eleonora (Moskvo), Tureckij Sergej (Ĉuvaŝio), Vasiljev Viktor (Vladimir), Zajceva Irina (Vladimir), Zueva Nina (Jelec)*

## FAMILIAJ MEMBROJ

*Guseva Natalja (Sankt-Peterburg), Kapitonova Irina (Ĉeboksari), Kisel Natalija (Vladimir), Loskutova Maja (Ivanovo), Mironova Irina (Moskvo), Puzanov Vladimir (Krasnojarsk), Ŝĉerbatiĥ Jevgenij (Jelec), Ŝevĉenko Jelena (Moskvo), Terentjev Nikolaj (Ĉeljabinsk), Zuev Vladimir (Jelec)*

## ALIĜINTAJ KOLEKTIVOJ

**Moskva EK MASI** (43 membroj): *Baluŝkina Natalja, Baŝlikova Anastasija, Berezovskaja Ljudmila, Ĉajka Oleg, Ĉerniŝova Sofija, Fajzilova Marianna, Gergeŝan Jevgenij, Gergeŝan Roman, Gogleva Aleksandra, Grustnjov Kirill, Gunjkova Aleksandra, Ĥaritonova Ljubovj, Jaĉmenjova Anna, Ĵitĉenko Maksim, Kanarskij Ivan, Kokorev Dmitrij, Kondratov Jurij, Kudrjaŝova Alla, Legornev Aleksej, Ljovuŝkina Jekaterina, Ljubuŝina Jekaterina, Loseva Aleksandra, Malenko Nadeĵda, Malenko Vitalij, Marutenkov Pavel, Miĥasenko Ilja, Nikolajeva Natalja, Penjkov Andrej, Penjkova Julija, Riĵova Svetlana, Sadikov Marat, Sidorova Valentina, Sigaĉjov Aleksandr, Sigova Jana, Ŝtondina Anna, Ŝumilo Nikolaj, Terjoĥina Marija, Volkova Jekaterina, Vozĵennikova Marija, Zanegina Oljga, Zarubina Julija, Zatulov Sergej, Zatulova Marija*

**Sankt-Peterburga E-societo "Espero"** (9 membroj): *Demĉenko Natalja, Ejst Svetlana, Jegupova Svetlana, Kondratjev Boris, Krajuĥin Sergej, Lebedeva Natalija, Miklina Larisa, Ovĉinnikov Valentin, Smolenkin Nikolaj*

**Societo "Espero" (Sankt-Peterburg)** (6 membroj): *Butkeviĉ Anna, Ĥoreva Valentina, Maliŝeva Jekaterina, Murzina Jevgenija, Pautova Tatjana, Poloĵenskaja Ljudmila*

**Tiĥvina E-klubo** (10 membroj): *Baraŝkov Vasilij, Belova Tatjana, Bistrova Margarita, Kirjakov Anton, Kurma Aleksandra, Loĵkina Jelena, Tiĥomirova Oljga, Vlasova Darja, Vlasova Vera, Zdrogova Nadeĵda*

**Vladivostoka E-klubo "Pacifiko"** (15 membroj): *Abisova Ljudmila, Ĉernozub Ljudmila, Ĥasanŝina Galina, Ĵulin Fjodor, Karpeta Ljubovj, Koneva Galina, Mak-*

*ŝanov Viktor, Neunilova Nadeĵda, Pilneva Dina, Ŝeremetjeva Svetlana, Ŝlepcenko Gennadij, Tiŝĉenko Margarita, Titajev Aleksandr, Udovickaja Nadeĵda, Zaloznaja Ljubovj*

**Volgograda EJC "Stelaro"** (12 membroj): *Ĥmelj Gennadij, Jarmuljskaja Irina, Ĵelnovaĉev Jevgenij, Ĵelnovaĉeva Ksenija, Koĉetkov Aleksandr, Kolosov Eduard, Kolosova Lana, Kuzjmina Aljona, Orjol Maksim, Orjol Tatjana, Poljakova Natalja, Volk Andrej*

## KOTIZOJ DE REU POR 2007

**Individua kotizo** – 80 rubloj (por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por loĝantoj de aliaj landoj – 8 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron kaj/aŭ Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj.

**Dumviva kotizo** – 2000 rub. (por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ; por loĝantoj de aliaj landoj – 200 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 30 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Subtenkotizoj** (ĉio sama kiel por individua kotizo): *REU-subtenanto* – duobla individua kotizo; *REJM-patrono* – duobla individua kotizo.

**Kolektiva membrokotizo** – 30 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro/Manlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 160 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 150 rub. (ekster Rusio kaj KSŜ – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Membroj de REU aŭtomate iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio, la malpli ol 31-jaraj – ankaŭ de TEJO.*

Aliĝilon, rublajn kotizojn kaj rabatitajn REGo-abonpagojn (poŝtmandate) sendu al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. (Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <kasisto@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso).

# Eksciu, ke...

## NOVAJ ASOCIESTROJ EN ARMENIO

La 03.11.2006 okazis reelektoj de la prezidanto, vicprezidanto kaj membroj de la estraro de AEA (Armena Esperantista Asocio). Kiel nova prezidanto elektiĝis Levon Davtjan, vicprezidanto – Bella Karapetjan. La nova estraro konsistas el sep membroj. Krom tio estis ĝustigita la reala kvanto de membroj de AEA, ĉar multaj loĝantoj de Armena respubliko (inter kiuj estis ankaŭ esperantistoj) pro la ekonomiaj malfacilaĵoj estis devigitaj forveturi el la patrujo al aliaj landoj por serĉi laboron. Rezulte evidentiĝis, ke la preciza kvanto de esperantistoj en AEA estas 48 personoj.

***(armenaj-esperantistoj)***

## SAMARKANDO EN ĈIUJ KONTINENTOJ

***Jubilea Internacia Ekspozicio***

En aŭgusto 2007 urbo Samarkand oficiale kaj solene festos sian 2750-jariĝon subaŭspicie de Unesko. Por celebri la gloran jubileon de la mondfama urbo, la Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro kaj loka E-klubo kolektas diversspecajn kaj ĉiulingvajn materialojn (gratulleterojn, vojaĝrakontojn, gazetartikolojn, librojn, broŝurojn, poemojn, kantojn, citaĵojn, fotojn, desegnaĵojn, dokumentojn ktp) pri Samarkand kaj samarkandanoj. Fakte, ĉio ajn pri la temo, inkluzive fotojn kaj/aŭ informojn pri la hoteloj, restoracioj, vendejoj, stratoj, komunumoj, firmaoj, varoj, librotitoloj, artaĵoj ktp portantaj la nomon “Samarkand” aŭ simile, estos TRE bonvena.

La projekto estas realigata kunlabore kun la Samarkandaj Ŝtataj Muzeoj. La plej interesajn materialojn ni publikigos en nialanda gazetaro. Ĉiuj ricevitaj kontribuaĵoj estos agnoskitaj kaj eksponataj kadre de la internacia ekspozicio en Samarkanda Ŝtata Muzeo pri Historio de Kulturo kaj Artoj de Uzbekistano. Estas ankaŭ planate eldoni specialan jubilean libron. Anticipajn dankojn por via kunlaboro kaj afabla subteno.

Bonvolu adresi viajn kontribuojn laŭeble baldaŭ al: Anatolo Ionesov, Direktoro; Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro; P.O. Box 76; UZ-140100 Samarkand; Respubliko Uzbekistano. Kontakta telefonnumero +998-66-2331753; retadreso <imps86@yahoo.com>. La informojn pri la muzeo eblas trovi en jenaj tttejoj <http://www.aliaflanko.de/urbo/samarkand/muzeo.html>, <http://www.civilsoc.org/nisorgs/uzbek/peacemsm.htm>, <http://peace.museum.com>.

***Anatolo Ionesov (Uzbekio)***



*blazono de Samarkand*

## LA PLEJ GRANDA KRISTNASKARBO EN LA MONDO


GUINNESS WORLD RECORDS

CERTIFICATE

The largest Christmas tree image in the world is located on the side of Mount Sammucro overlooking the town of San Vittore del Lazio, Italy and measures 425 m (1,394 ft) in length with 270.85 m (888 ft) base. The image is made from 700 coloured light bulbs and is illuminated by 36,000 watts running through 14,000 m (45,931 ft) of electrical cables. The area covered by the tree is equal to 57,555 m² (619,516 ft²).

Keeper of the Records
GUINNESS WORLD RECORDS LTD

*la atestilo de Guinness-libro*

Estis esperantista la plej granda kristnaskarbo en la mondo. La 8-an de decembro vespere, en Sanvitoro Latia (San Vittore del Lazio), teleregita de Nicola Ruggiero (Nikolao Rugjero), prezidanto de Itala Esperantista Junularo, estis ŝaltita la plej granda kristnaskarbo en la mondo. 18000 metroj da elektraj kabloj kaj 1050 lampoj lumigis la monton Samukro. Ĉi-jare, por honori la eminentan gaston, sur la arba pinto elstaris verda stelo, kaj la kometa vosto memorigis la kolorojn de la itala flago. La arbo estis videbla de la 18-a ĝis la 24-a horo ĉiutage ĝis la 6-a de januaro, kaj la 31-an de decembro, je noktomeza eksono, la ciferoj de la jaro, kiuj estas enkonstruitaj, salutis la alvenon de 2007. La arbon oni povis vidi el la aŭtoŝoseo Romo-Napolo je pli ol 30 kilometroj for. Nikolao Ruggiero alportis ankaŭ siajn salutojn al la junaj esperantistoj de Sanvitoro, substrekante, ke tiu arbo, kiel Esperanto, estas la simbolo de paco kaj frateco inter la popoloj. Ĉeestis, krom granda homamaso, la skabeno pri kulturo de la provinco de Frosinono, la urbestro de Sanvitoro Latia, la prezidanto de loka turisma instanco kaj la redaktistoj de Lazio TV (Latia Televido), kiuj rekte elsendis la raportaĵon dum la vespera teleĵurnalo. Pliaj sciigoj pri la evento estas en la retejo <www.prolocosanvittore.it>. La retejo havas ankaŭ la paĝojn en Esperanto.

***(Informitale)***

## VICA KONGRESO DE LEA

La 16-an de decembro en Kaunas en la ĉefa salono de la universitato "Vytautas La Granda" okazis la vica 42-a kongreso de Litova Esperanto-Asocio. Estis registritaj 168 delegitoj el 19 litovaj urboj kaj gastoj el Latvio (6 personoj) kaj Pollando (1 persono). Tamen vera nombro estis pli ol 200, ĉar iom da esperantistoj ne registriĝis. La kongreson per kelkaj enkondukaj frazoj komencis prezidanto de Litova Esperanto-Asocio Povilas Jegorovas. Sekvis Himno de Esperanto. Laimundas Abromas voĉlegis salutmesaĝon de prezidanto de Universala Esperanto-Asocio Renato Corsetti al la kongreso. Vilius Sidlauskas legis similan mesaĝon de la ĝenerala direktoro de UEA Osmo Buller. Poste prezidanto de la asocio Povilas Jegorovas faris raporton pri la agado de la asocio dum 2006 – memorigis pri ĉefaj jaraj aktivaĵoj, elstarigis problemojn (financaj demandoj, junulara agado, ejoj en Vilnius k.a.) kaj parolis pri estonta agado. En la diskutoj pri la agado partoprenis redaktoro de "Litova stelo" Vytautas Ŝilas, Algimantas Piliponis el Vilnius, Vilius Sidlauskas el Panevežys, Lionginas Vaiciulionis el Kaunas.

La kongreso estis vaste prilumita en gazetaro, radioj, televido. Litova Esperanto-Asocio dissendis gazetaran komunikon al kelkaj dekoj da gazetoj, revuoj, radioj, televidoj, novaĵagentejoj, retgazetoj k.s. Surbaze de tiu gazetara komuniko ambaŭ novaĵagentejoj de Litovio ELTA kaj BNS siavice dissendis ampleksan informon pri

la jara agado de Litova Esperanto-Asocio kaj metis ĝin en siajn retejojn. Tutlanda gazeto “Lietuvos aidas” la 15-an de decembro en la kalendara rubriko menciis la naskiĝdaton de L.Zamenhof kaj la 16-an de decembro sur la 8-a paĝo publikigis ampleksan artikolon de Povilas Jegorovas pri jara agado de Litova Esperanto-Asocio. La 18-an de decembro ĉiutaga senpaga populara gazeto “15 min”, aperanta en 105000 ekz. kaj disvastigata en Vilnius, Kaunas, Klaipeda kaj Palanga, sur la 1-a kaj 6-a paĝoj publikigis longan raporton pri la esperantista kongreso kaj Esperanto ĝenerale kaj ilustris ĝin per du fotoj. La 19-an de decembro pri la kongreso informis tutlanda gazeto “Kauno diena”. Povilas Jegorovas dufoje estis intervjuita por Litova nacia radio. La tutlanda televida kanalo LNK la 17-an de decembro dum novaĵprogramo informis pri la kongreso per kuranta linio. Estis ankaŭ multaj aliaj informoj.

***(esper-inform)***

## ESPERANTO-KONGRESO EN TOGOLANDO

De la 23-a ĝis la 25-a de decembro 2006 okazis la 14-a TEK (Togolanda Esperanto-Kongreso). Partoprenis ĝin ĉirkaŭ sesdek esperantistoj, inter kiuj estas 27 gelernantoj kaj 6 laborantoj de Instituto Zamenhof. La kultura vespero kaj malfermo de la kongreso estas agrabligitaj per la skeĉoj, kantoj, poemdeklamoj de la gelernantoj de IZo. La futbalteamo, kiu ludis dum la kongreso gajnante per tri goloj kontraŭ nul, konsistis grandparte el lernantoj de IZo. En la novan estraron de JOTE (Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj) eniris unu ekslernanto de IZo, dum du el ties instruistoj eniris la novan estraron de UTE.

***Gbeglo Koffi (Togolando)***

## ZAMENHOF-TAGOJ EN KAUNAS

La 16-an – 17-an de decembro en Kaunas okazis vica tradicia ĉiujara aranĝo de litovaj esperantistoj “Zamenhoj-Tagoj-2006” dediĉita al la 147-a datreveno ekde la naskiĝo de L.L.Zamenhof. La aranĝon partoprenis pli ol 200 esperantistoj el 19 litovaj urboj (la plej multaj el Kaunas – 66, el Vilnius – 36, el Panevežys – 19 k.s.) kaj gastoj el Latvio kaj Pollando. La ĉefan prelegon “Etnolingvistikaj aspektoj de Esperanto” faris prof. habil. d-ro de la universitato de Šiauliai, prezidanto de Senato de tiu universitato, vicprezidanto de Litova Esperanto-Asocio Aloyzas Gudavičius. Alian interesan prelegon kun ilustrado faris la redaktoro de “Litova stelo” Vytautas Ŝilas – ĝia titolo estas “Kio logas litovojn en Kenigsberga-Kaliningrada areo?”. Estis montrita nova filmo “Gerda malaperis”. Sabate vespere koncertis flutistino Lidija Gomolickaite-Grudzinskaite, kantis Valdas Striužas, versaĵojn deklamis Jurate Bartaskiene. Dimanĉe matene okazis katolika S-ta Meso en Esperanto, kiun celebris mons. Lionginas Vaiciulionis en universitata kapelo. Choe Taesok prelegis pri Ŭonbulismo kaj Esperanto kaj montris filmon “Ŭonbulismo – religio de la nova epoko”. Kvizon pri Esperanto-movado gvidis Nina Petuchowska. E-instruistino el la distrikto de Joniškis Genovaite Liepinia montris du filmojn – “Fringoj 2006” kaj “Kune en lernejon”. Fine devis okazi ekskurso tra la urbo, sed ne aperis dezirantoj. Krom la programo dum “Zamenhof-Tagoj-2006” funkciis riĉa libroservo. Oni povis aliĝi (kaj multaj tion faris) al BET-43, la 92-a UK en Jokohamo, la 7-a Eŭropa Esperanto-

Kongreso en Maribor. Eblis aboni “Litovan stelon” kaj multajn aliajn E-revuojn kaj gazetojn. Multaj uzis eblecon pagi membrokotizon de LEA, fariĝi individua membro de UEA k.s.

***Povilas Jegorovas (Litovio)***

## AKADEMIO DE ESPERANTO INFORMAS

***Deklaro pri apartaj teknikaj bezonoj rilate al niaj alfabeto kaj ortografio***

La Akademio de Esperanto voĉdone aprobis la jenan raporton de la Sekcio pri prononcado (33 akademianoj voĉdonis jese, 5 nee kaj 1 sindetene).

Pri apartaj teknikaj bezonoj rilate al niaj alfabeto kaj ortografio

La Akademio de Esperanto konfirmas sian pozicion, jam esprimitan en 1982, ke la ortografio de Esperanto, kiel ĝi estas prezentita en la Fundamento de Esperanto, konformas perfekte al la karaktero de la lingvo, kaj ke neniu ŝanĝo estas necesa aŭ dezirinda.

Nur kiam la cirkonstancoj ne permesas uzi la ĝustajn supersignojn, kaj kiam pro apartaj bezonoj la Fundamenta anstataŭa skribsistemo (ch, gh, hh, jh, sh, u) ne estas oportuna, oni povas anstataŭigi la supersignajn literojn per aliaj signoj aŭ signokombinoj. Tian anstataŭigon, kiam ĝi estas nura teknika rimedo, ne celanta reformon de la ortografio de Esperanto, kaj kiam ĝi neniel kaŭzas konfuzon, oni ne rigardu kiel kontraŭ-Fundamentan.

Ekzistas ankaŭ aliaj cirkonstancoj, kiam nia lingvo estas prezentata alimaniere ol per la normala skribo, ekz. en stenografio, morse, brajle, per fonetika transskribo k.s., kaj kiam teksto Esperanta estas konservata aŭ transsendata elektronike en cifereca formo laŭ diversaj kodsistemoj, kaj ankoraŭ aliaj similaj okazoj. Ankaŭ tiajn manierojn skribi, transskribi aŭ prezenti nian lingvon oni ne rigardu kiel kontraŭ-Fundamentajn.

*Geraldo Mattos, Prezidanto de la Akademio de Esperanto*

Studento estas survoje al la lernejo, sed tempo iom mankas al li. Tial li haltas ĉe farmbieno kaj petas la mastron: “Ĉu mi rajtas iri kurtvoje trans vian kampon, por trafi la buson je 8.30?”. “Certe mi permesas tion.” – respondas la farmbienisto. – “Kaj, se mia virbovo vidos vin, vi povos trafi la buson je la 8.00!”

***(esperanto-anekdotoj)***

---

*La ĉi-antaŭa Akademia deklaro estas kompletigo de la jena rezolucio publikigita jam en 1982 (“Aktoj de la Akademio III 1975-1991”):*

Pri niaj alfabeto kaj ortografio

La Akademio de Esperanto notas kun forta malaprobo diversajn proponojn, inter si malsimilajn, ŝanĝi aŭ modifi la ortografion de Esperanto.

La Akademio konstatas, ke neniu ortografia ŝanĝo estas necesa aŭ dezirinda, aŭ en ligo kun modernaj presmaŝinoj aŭ komputmaŝinoj, por kiuj ĝia ortografio estas tiel same oportuna kiel la ortografioj de aliaj lingvoj, aŭ pro ia ajn alia motivigo.

La ortografio de Esperanto estas integra parto de la historio kaj kulturo de tiu

lingvo, kaj konformiĝas perfekte al la karaktero de la lingvo. Iu ajn ortografia ŝanĝo nur kompromitus la lingvon kaj ties tradicion.

Pro tio la Akademio de Esperanto konfirmas, ke la sola alfabeto de Esperanto estas tiu de la Fundamenta Gramatiko, al kiu aldoniĝas samloke jena rimarko: "Presejoj, kiuj ne posedas la literojn ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, ŭ povas anstataŭ ili uzi ch, gh, hh, jh, sh, u."

*Por la Akademio, ties Prezidanto, William Auld*

***(AdE-Oficialaj-Informoj)***

## VJETNAMA ESPERANTISTA JUNULARO




VEJO estas la nova organizaĵo de vjetnama esperantista junularo kaj ankaŭ la plej nova membro de TEJO (la 44-a Landa Sekcio). Nia organizaĵo landsekciiĝis celante kontribui al disvolviĝo de nia junulara movado de Esperanto kaj plilarĝigi solidarecon, amikecon, kunlaboron surbaze de reciproka komprenado inter juna esperantistaro. Nuntempe ni havas sufiĉe multajn aktivajn junulojn, kiuj volonte kaj samidee kontribuos siajn fortojn por IJK, kiu en 2007 okazos en Vjetnamio.

La Pedagogia Universitato de Fremdaj Lingvoj estis elektita kiel la kongresejo por IJK. La universitato situas proksime de la internacia flughaveno. Estas tre konvene por kongresanoj atingi ĝin per rekta aŭtobuso el flughaveno dum 30 minutoj. La universitato posedas 2 grandajn konferencajn salonojn (400 kaj 700 seĝoj) kaj pli ol 30 malgrandajn salonojn (30-60 seĝoj). En la universitato troviĝas Interreto-ĉambro kaj aliaj bezonataj ĉambroj. Ĉirkaŭ la universitato troviĝas multaj bazaroj, superbazaroj, manĝejoj, drinkejoj kaj vendejoj de ĉiuj aĵoj kaj ankaŭ multaj grandaj kaj malgrandaj hoteloj.

***VEJO***

## FINIĜIS KURSO DE ESPERANTO EN IRKUTSK

Kiel informas en sia "Viv-Ĵurnalo" irkutska esperantisto Kostik Vento (Ĥlizov), la 27-an de januaro en Irkutska komerca lingvocentro okazis solena fino de la antaŭe anoncita kurso de Esperanto. Estas la unua eksperimento de irkutskaj esperantistoj pri instruado de Esperanto en komerca lingva lernejo.

La sukcesaj finintoj de la kurso ricevis atestilojn el la manoj de la estro de la lingvocentro s-ro S.V.Rasputin. Post tio okazis ankaŭ simbola "inico" kun aljuĝo de la nomumo "Pioniro de Bajkalia Esperantistaro".

Al la okazo venis televidistoj de la loka kanalo NTS. La solenaĵojn oni montris en novaĵbloko vespere (kaj ripete – nokte).

***(esperanto-rus-informoj)***

## MOSKVA SKOLO DE ESPERANTO-POEZIO SIN PREZENTAS

La 29-an de januaro 2007 aperis 160-paĝa libro "Moskvaj sonoriloj", eldonita de REU kaj "Impeto". Ĝi prezentas la Moskvan skolon de poezio en Esperanto, entute – verkojn de 38 aŭtoroj.

Kial Moskva? En Rusio ekzistas pluraj centroj de la esperantista vivo. Kaj ili diferencas karaktere. Jen, en Krasnojarsk estas modela kaj riĉa kluba vivo. En Ĉeboksari kaj Ivanovo floras agado junulara kaj okazas brile organizataj renkontiĝoj kaj aranĝoj por ekstera publiko. Jekaterinburg famis pri gazet- kaj libroeldonado (kiu grandparte translokiĝis al Kaliningrad). Peterburgo "specialiĝas" pri diversaj komercaj aplikadoj de Esperanto kaj pri organizo de internaciaj renkontiĝoj kaj kongresoj. Sed Moskvo estas urbo de Esperanto-arto, Esperanto-poezio.

Vere, se kalkuli ĉiujn rusiajn esperantistojn, kiuj verkas kaj tradukas poemojn, evidentiĝos, ke minimume duono el-inter ili loĝas en Moskvo kaj en la apudurboj aŭ almenaŭ estas iel ligitaj kun ĝi. Tiu fenomeno havas longan historion kaj fine kondukis al apero de la memstara skolo de Esperanto-poezio. Multaj apartaj moskvaj poetoj-esperantistoj fariĝis famaj, aliaj ankoraŭ ne ricevis agnoskon laŭ siaj meritoj. Certe, ne ĉiuj, kiuj versas, estas egale talentaj, sed ĉu pli, ĉu malpli talentaj verkoj de diversaj aŭtoroj estis ĝis nun disĵetitaj en apartaj libroj, revuoj kaj almanakoj, kaj por ricevi kontentigan imagon pri la poezia skolo oni devis speciale traserĉi tiujn eldonaĵojn. Tiu ĉi libro celas ĝuste doni pli-malpli plenan bildon pri la skolo.

La libro estas dividita je kvar partoj. La unua prezentas tiujn poetojn-moskvanojn, kiuj ekverkis Esperante kaj eĉ fariĝis mondkonataj antaŭ la dua mondmilito. Ili ankoraŭ ne konsistigis apartan skolon, sed ja famigis la rusan skolon en ĝia matura stato. La nomoj de tiuj poetoj – Georgo Deŝkin, Nikolao Hohlov, Nikolao Nekrasov, Aleksandr Logvin – parolas per si mem. Kaj tiuj poetoj havis gravan influon al la novaj, kiuj ekverkis dum renaskiĝo de Esperanto-movado kaj kulturo en Sovetunio

fine de la 50-aj.

Fakte, en tiu periodo komencis formiĝi la aparta moskva skolo. Ĉe ĝia formiĝo staras Konstantin Gusev, Vladimir Samodaj, Bonifatio Tornado... Samtempe aperis kaj disfloris originala kanta kulturo de sovetiaj esperantistoj, kiu sendube influis poezian kreadon: por ĉiu poeto-esperantisto, eĉ se li mem ne kapablis kanti, estis honoro, se liaj versaĵoj ricevadis ankaŭ muzikan veston kaj tiel disvastiĝis en la popolo. La plej bonaj kantotekstoj estas ankaŭ elstaraj poemoj, pluraj poemoj ricevis muzikan akompanon. Tiaj estas verkoj de Mikaelo Bronŝtejn, Ludmila Novikova, Dina Lukjanec. La aŭtoroj, kiuj ekverkis en tiu periodo, konsistigas la duan parton de la libro.

> La oficiala retejo de grava rusia muzikgrupo "Akvarium" nun havas E-lingvan version apud la rusa, angla, germana, franca kaj finna. La version dum kelkaj jaroj preparis Grigorij Arosev (Moskvo). La adreso de la retejo estas <http://www.aquarium-web.com/>.
>
> ***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

Fine de la 80-aj laŭ iniciato de Anatolo Gonĉarov ene de moskva klubo "Lev Tolstoj" aperis komence grupo pri la tradukarto, kaj poste – Moskva Literatura Esperanto-Klubo (MLEK). Ĝin ekgvidis Vladimir Samodaj. Apero de tia loko, kie oni povas konstante prezenti siajn novajn verkojn, ricevi kritikojn kaj konatiĝi kun bazoj de teorio de la poezia kreado, stimulis disfloron de la malnovaj kaj aperon de novaj poeziaj talentoj. Speciale gravis ankaŭ la MLEK-a organo – la revueto "Cerbe kaj Kore", kiu aperadis kun kelkaj paŭzoj inter 1990 kaj 2000, kaj en ĝi oni vidis verkojn de la MLEK-anoj. Krome, la beletraj rubrikoj de "Moskva Gazeto" (gvidis Mikaelo Bronŝtejn), de "Scienco kaj Kulturo" (redaktas Samodaj) kaj REGo (gvidis jen Valentin Melnikov, jen Grigorij Arosev, jen Georgij Kokolija) ankaŭ helpis kaj plu helpas al riveliĝo de novaj bonaj verkoj. Fine, ne indas forgesi la agadon de moskva Esperanto-eldonejo "Impeto", kiu eldonis, krom prozaĵoj kaj publicaĵoj, signifajn poeziajn verkojn kaj densigis ĝeneralan E-kulturan vivon en la urbo. Poetoj, kies talentoj speciale disfloris en la periodo de MLEK kaj CkK, kaj kiuj verkis en kadroj de definitive memstariĝinta poezia skolo, konsistigas la trian parton de la libro.

Kaj la kvara parto de la libro entenas poemojn kaj poeziajn provojn de tiuj esperantistoj, por kiuj verko de poemo estas sporada kaj hazarda afero (do kiuj ne plene meritas honoran nomon "poeto") aŭ de novaj homoj, kies talentoj ankoraŭ, eble, ne disvolviĝis. Sed ankaŭ pluraj el ili spertis influon de MLEK kaj CkK (sen kiuj ili, verŝajne, plejparte ne provus versi), kaj ankaŭ certaj iliaj verkoj atingis nivelon de publikigindo. Tiuj versaĵoj kompletigas la bildon, pentras certan fonon sur kiu aperas veraj perloj; krome, ankaŭ ili portas proprajn interesajn por aliuloj mesaĝojn kaj tial trovas sian lokon en la kolekto.

En la fino de la libro la leganto povas vidi bio- kaj bibliografiajn donitaĵojn pri la apartaj aŭtoroj kaj pli profunde konatiĝi kun la prezentata poezia skolo.

Ni esperu, ke post apero de tiu ĉi libro la Moskva skolo de Esperanto-poezio, en sia bunta unueco, fariĝos neneglektebla fenomeno de la internacia Esperanto-kulturo. Kaj ĉiu esperantisto – ekde komencanto ĝis la plej matura spertulo – trovos en ĝi ĝuindajn kaj diskonigindajn poemojn.

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

## LITERATURA KONKURSO “LIRO-2006”

“La Ondo de Esperanto”, la organizanto de la tradicia literatura konkurso “Liro-2006”, ricevis ĉi-jare 38 konkursaĵojn de 21 aŭtoroj el 16 landoj. Neniam pli frue “Liro” allogis konkursemulojn el tiel multaj landoj.

Laŭreatoj de “Liro-2006”:

*Originala prozo:* **Katarzyna Tempczyk** (Pollando) pro “Kiamaniere mi venkis beleckonkurson, aŭ kiujn sukcesojn ofertas la malsukcesaj planlingvoj”.

*Originala poezio:* **Dimitrije Janičić** (Serbio) pro “Matene”.

*Traduka poezio:* **Klara Ilutoviĉ** (Ruslando) pro “La desegnaĵo” de Agnija Barto.

*Traduka prozo:* **Edmund Grimley-Evans** (Britio) pro “Diagnozo de morto” de Ambrose Bierce.

Pluraj personoj el diversaj landoj ricevis laŭdajn menciojn. La laŭreatoj ricevos diplomojn kaj libropremiojn. Konforme al la regularo la organizantoj ĝis la 1-a de januaro 2009 havas ekskluzivan rajton publikigi la ricevitajn konkursaĵojn en “La Ondo de Esperanto”, libroforme kaj elektronike.

Pliajn informojn legu rete: <http://www.esperanto.org/Ondo/Ind-liro.htm>.

***Halina Gorecka, sekretario de Liro-2006***

## BELARTAJ KONKURSOJ DUM BET-43

En Litovio multajn jarojn estis tre populara aparta kultura aranĝo “MUZO”, dum kiu okazis konkursado en esperantista arta kreado. “MUZO” okazis jam 29-foje, la lasta estis en 1997. Tiun ĉi aranĝon komencis organizi Vilniusa junulara Esperanto-klubo “Juneco” kaj ties unua gvidanto – la nuna redaktoro de “Litova stelo” Vytautas Ŝilas. Poste organizadon transprenis Vilniusa ĝenerala Esperanto-klubo kaj depost 1980 ĉefa animanto de tiu aranĝo estis prezidanto de tiu klubo Adomas Vaitilavičius (forpasinta komence de 1997). La organizadon dum diversaj periodoj partoprenis ankaŭ Litovia filio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj kaj poste Litova Esperanto-Asocio. Estis eldonitaj kelkaj broŝuroj kun konkursaĵoj de “MUZO”. Gajnintaj konkursaĵoj estis presataj en “Litova stelo”. Nun reaperis iniciato revivigi “Muzojn”, tamen ne kiel apartan aranĝon, sed organizi belartajn konkursojn enkadre de la 43-aj Baltiaj Esperanto-Tagoj (BET-43). Sube estas anonco pri ĉi-jara “MUZO”. Bonvolu partopreni.

---

### *INVITAS “MUZO-07”*

Dum BET-43 en Šiauliai okazos belarta konkurso “MUZO-07”! La konkurso okazos en jenaj branĉoj:

1. PROZO originala (noveloj);
2. POEZIO originala;
3. KANTOTEKSTO originala por ajna melodio (aldonu muziknotojn, aŭ sonbendon);
4. MELODIO originala por ajna originala E-versaĵo (aldonu muziknotojn aŭ sonbendon);
5. DEKLAMADO – recitado de poeziaĵo laŭ propra elekto;
6. ARTA LEGADO de prozaĵo – laŭ propra elekto (ne pli ol 10 min.);

7. RAKONTADO pri iu okazintaĵo – legita aŭ elpensita;
8. KANTADO sola aŭ grupa (po unu kanton);
9. FOTOJ pri ajna temo (ne pli ol po tri, papera kaj elektronika variantoj);
10. PENTRAĴOJ propagandaj (ekz. pri E-kurso).

Anoncitaj kaj honoritaj estos gajnintoj de la unuaj tri lokoj en apartaj konkursoj. Konkursaĵoj laŭ punktoj 1-4 devas esti anonimaj (la nomo kaj adreso de la aŭtoro devas esti skribitaj sur aparta slipo, metita en pli malgrandan koverton kun surskribo de titolo de la konkursaĵo). La konkursaĵoj devas esti senditaj ĝis la 1-a de junio laŭ la adreso: Jūratė Bartaškienė, Kalvarijų biblioteka, Kalvarijų str. 29, Vilnius, LT-09313 Litovio. Porinforma telefono: +3706-0066865. Rimarko: esceptokaze, interkonsente kun la konkursa komisiono, konkursaĵoj povas esti akceptitaj ankaŭ la unuan tagon de BET-43.

***Litova Esperanto-Asocio***

# EŬGENO MIĤALSKI – 110-JARA DATREVENO



Eŭgeno Miĥalski (21.01.1897 – 15.10.1937) estas de multaj konsiderata kiel unu el la plej brilaj esperantlingvaj poetoj dum la tuta historio de nia literaturo, la plej granda inter la rusaj poetoj-esperantistoj, kaj nepre – la plej elstara el la skolo de la proletaj Esperanto-verkistoj en la komenco de la 20-a jarcento. Diference de aliaj liaj rusaj kolegoj de tiu epoko, kies kreado ĉefe inspiriĝis de simbolismo (Deŝkin, Hohlov k.a.), liaj verkoj pli proksimas al poemoj de futuristoj – kaj per la formo (serĉado de novaj lingvaj kaj formaj rimedoj por esprimo de sentoj kaj pensoj) kaj esence (revolucia etoso kaj strebo kontribui al kreo de tute nova brila estonta mondo). El lia plumo fontis poemaroj: “La unua ondo” (kun V.Poljakov, 1918), “Du Poemoj” (1922), “Prologo” (1929) kaj “Fajro kuracas” (1932). Plenan kolekton de liaj konserviĝintaj verkoj, kien eniris la plena enhavo de tiuj libroj plus gazetaj publikigoj, kolektitan de W.Auld kun granda antaŭparolo de Krys Ungar, eldonis FEL en 1994.

Miĥalski esperantistiĝis junaĝe, en 1911. Sed impulson por lia vivo kaj kreado donis, sendube, la komenciĝinta revolucio. Jam somere 1917 li fondis la literaturan E-revuon “Libera Torento” en Saratov, kie aperis liaj unuaj poemoj originalaj kaj tradukaĵoj. Kiel literatura suplemento al tiu revuo (de kiu eldoniĝis nur du numeroj) aperis lia unua libreto.

Persona liriko, amo, socia filozofio kaj revoluciaj atendoj konstante interplekti-

ĝas en liaj poemoj. Sen la lastaj lia kreado ne imageblas, kaj poezio en Esperanto estas por li unu el la nepraj elementoj de la nova estiĝonta mondo. Jam komence de oktobro 1917 li skrubas (la poemo "Fajro kuracas"):

Antaŭen kaj antaŭen! Al novaj idealoj!
Al nova viv-konstruo! Al nova viv-rimed'!
Ni eĉ ne haltu antaŭ kruelaj sangbataloj!
Ni ne kompatu, premu la florojn sur la bed'!

La mondo estas koto. Ni koton abomenas.
Ni volas ĝin forigi per nekutima fort'.
Ni, mondon amegante, ĝin tamen ĉiel penas
Fordoni al la brakoj kaj spiro de la mort'.

Pri liaj futurismaj inklinoj, poezia pensado laŭ la kosma skalo atestas ĉiu lia verso. Rigardu, ekzemple, kaj komparu kun verkoj de Majakovskij, Ĥlebnikov ks.:

Aspergas mi per spermo de l' espero
virginon de l' arĝenta astro
en la arom' de ŝia sino ĉasta
dum farniento de l' vespero.
Aspiras mi per spiro de l' pasio
elkrei novan mondon de la sonoj –
mi, nova pastro de l' venonta dio:
virgino de l' arĝenta astro
de l' fantaziaj tonoj.

Sendube, por la Esperanta poetiko kaj evoluigo de esprimrimedoj en la verda lingvo li faris la samon, kiel la suprenomitaj rusaj poetoj por la rusaj poetiko kaj lingvo.

Samtempe, li estas poeto kaj kiel poeto esprimas sian personan liberon kaj ĝuon pri la mondo:

Estas mi – papili'
gajflirtanta en aero,
dancas mi, ĝojas mi
tutan tempon dum somero.

De la lun', ĝis la sun'
kun korjun'
flugas mi:
de la ter', de mizer',
de sufer'
fuĝas mi.

Certe, lian agadon de esperantisto ne limigis la nura poezia kreado. Li frue aliĝis al SAT kaj kunlaboris en "Sennacieca Revuo", "La Nova Epoko", "Bulteno de SEU", kaj pli poste – en "Internaciisto" kaj "La Nova Etapo". Li estis unu el la kunfondintoj de IAREV (Internacia Asocio de Revoluciaj Esperantaj Verkistoj) en 1931 kaj ludis centran rolon en la reaktivigo de la asocio en 1934. Tiam li redaktis la gazetojn "Proleta Literaturo" kaj "Internacia Literaturo" kun la helpo de la franco Honoré Bourguignon.




Sed la revolucio finiĝis, poiomaj ŝanĝoj en la sovetia gvidantaro kondukis al tio, ke la iamaj revoluciaj idealoj kune kun ties portantoj, des pli ardaj, inkluzive esperantistojn, fariĝis por la gvidantoj nedezirataj kaj danĝeraj. Komenciĝis ilia amasa ekstermado. Kaj Miĥalski ne povis ne trafi sub muelŝtonojn de la "granda purigo". Li estis arestita kaj ekzekutita. Krom Miĥalski, pro la samaj akuzoj, pereis multaj aliaj elstaraj sovetiaj esperantistoj, kvazaŭ apartenintaj al la sama fantazia "konspira organizo" – inter ili tiaj famuloj, kiel Sutkovoj, Izgur ka. La tragika historio de akuzoj, denuncoj, perfidoj kaj pereoj estas bone priskribita en eseo de la movada historiisto N.Stepanov (*http://pri-historio.boom.ru/mihxal.htm*), plurajn informojn eblas trovi en la artikolo de V.Kornilov kaj J.Lukaŝeviĉ en "Sennacieca revuo, 1993" (*http://www.satesperanto.org/euxgeno-mihxalski-novaj-informoj.html*). Do, la tragika historio nun estas bone esplorita. La plej koncizan resumon pri la morto de Miĥalski ni vidu el la jena respondo, kiu venis al demando de N.Stepanov:

"Responde al via skribpeto pri la sorto de membro de CK SEU [ni] informas [vin], ke Miĥalskij Jevgenij Iosifoviĉ, nask. la 21-an de januaro 1897, en u. Letiĉev de la eksa Podoljska gubernio, ruso, nepartiano, klero nefinita supera, ekde 1918 ĝis 1919 estis inter simpatiantoj de VKP(b), en 1919 servis en Denikina armeo kiel (ordinara) soldato (laŭ mobilizo kiel oficiro), loĝinta en la u. Donecko kaj laborinta kiel instruisto de la rusa lingvo kaj literaturo en la vespera pedagogia instituto, estis arestita la 16-an de marto 1937 fare de Donecka filio de NKVD pro senbaza akuzo pri partopreno en kvazaŭ ekzistinta kontraŭsovetia trockiista organizaĵo. Laŭ verdikto de Armea kolegio de la Supera Kortumo de USSR de la 14-a de oktobro 1937 [li] estis verdiktita al la supera grado de puno – pafekzekuto. La verdikto estis plenumita la 15-an de oktobro 1937 en u. Kievo... Laŭ decido de Armea kolegio de la Supera Juĝistaro de USSR de la 8-a de majo 1958 Miĥalskij J.I. estis rehonorigita postmorte... Kun estimo vic-fakestro de la [arkiveja] fako *J.A.Meĵirickij."*

Kia li estis kiel homo? Jen atesto el la artikolo de N.Stepanov: "Rakontas lia bofratino Natalia Aleksandrovna Sirneva (fraŭlina familinomo Bojko): "Li estis

bona, tenera, neniam faris iun malbonon al iu ajn. Tre ŝatis legi, sed [por tio] tute mankis tempo. Kvar geinfanoj, li laboris sola en la familio. Instruis en la pedagogia kaj akceptis ekzamenojn en medicina institutoj. Pro tio [li] legis, irante al la laborejo – senpere dum irado... La plej sindona al la familio homo”. Laŭ ŝi, jen du kaŭzoj, pro kiuj li estis arestita kaj akuzita: “Li estis tro rekta kaj sincera homo, li diris [ĉion], kion li opiniis, neniam timis ion. Ankoraŭ ekludis [malbonsignan] rolon lia vasta korespondado kun eksterlando, li korespondadis kun ĉiuj”. Ŝi emfazis romantismon de EM – de juneco ĝis morto: “Li estis certa, kaj ni ĉiuj estis certaj, ke li preparas la mondan revolucion. Pro tio tiom neatendita por ni okazis lia aresto…”.”

La karakteron de la elstara poeto plej bone resumas la fama rondelo de Kálmán Kalocsay:

Miĥalski flirta papilio
Rapsodo de l’ printempa viv’
Se lin turmentas kis-soifo
Konsolas lin la rim-ebrio

Sed ofte akras lia krio
Laŭ fajfo de lokomotiv’
Miĥalski flirta papilio
Rapsodo de l’ printempa viv’

Kaj – jen la ĉefa antaŭ ĉio
Fieras li (ne sen motiv’)
Pri la malkovro ke pasiv’
Dialektikas kun pasio

Miĥalski flirta papilio

***Nikolao Gudskov (Moskvo)***

---

*Por prezenti la poezion de Miĥalski, REGo publikigas tri liajn poemojn.*

## Diplomatoj kunsidas...
## la borso gvidas

Senarmigo-konferencoj,
        proklamantaj pri la pac’;
Diplomatoj-ekscelencoj
        kunsidantaj en palac’.

Flamaj vortoj – submurmuro –
        jen ekstero kaj intern’:
pacifista uverturo

antaŭ la milit-oper'.

Paragrafoj de l' traktato
de Wilsono kaj Kellog'.
Sed pri ĝi jam skribas fato
vortojn de la nekrolog'.

Ĵus naskiĝis, tuje mortas
provoj de l' pac-organiz',
ilin kun solen' eskortas
demokratoj-mobiliz'.

Lumaj vortoj – nigraj faroj,
jen ekstero kaj intern'.
Dancu, paco-komisaroj,
sub la Borsa orguvern'.

*el **"Fajro kuracas"**, EKRELO, 1932*

## Hispana romanco

***Dediĉita al Generalo Mangada***

Suna lando de hispanoj,
Hispaninoj, verva danc',
Taŭroludoj, ŝprucfontanoj,
Romantiko de romanc'.
Son-bracelet'
Krak-kastanjet'
kaj bril'
kaj tril'
de l' ama pet'.

Pastroj, junkroj, bankieroj,
Franko, Mola, plia band'
Kun la helpo el ekstero,
Volas regi plu en land'.
Kaj jen komplot'
en tuj-eksplod'
ribel'
en ŝvel'
de l' nigra kot'.

Generaloj kur-rapidas
Respublikon murdi for,
Kaj Berlin' kun Rom' egidas
Entreprenon de l' teror'.

Tuj en aplik'
la mekanik';
risort'
de fort'
de brunsvastik'.




De Bilbao ĝis Granado
Flagras ruĝa ilumin',
Sonas pafoj, kanonado,
Flame ringas fajra vin'.
Sub suna ard'
batalbombard'
kun bru'
detru'
ribelstandard'.

Gejunuloj, maljunuloj
Kaj virinoj en egal'
Kun ekflamoj en okuloj
Iras ĉiuj al batal'.
En bato-pret'
jen bajonet'
kun bril'
armil'
de la prolet'.

La hispana Respubliko
Venkos bandojn en frakas',
Se kamparo kun fortiko
Sekvos post proleta klas'.
Nur en la lig'
estas efik'
kaj sort'
kaj fort'
de l' Respublik'.

*el **"Popola Fronto"***
*(informa bulteno internacia pri hispana lukto kontraŭ la faŝismo)*
*Valencio. Numero 4 (15-a de decembro 1936)*

## Enkonduko

Al Vi, nekaptebla "os",
neniam kaj ĉiam as'anta,
mi sendas poemojn de pensoj-ĥaos'

el mia menso serĉanta.

“Is”, “As”, “Os” –
tri elementoj de Tuto –
finito, vivato, ĥaos’ –
problemo de Absoluto.

Triunuo de hom-superstiĉ’,
triunu’ de profeta humano,
Vi tra vivo miljaris fetiĉ’,
Vi – amboso por di’ kaj satano.

Vi – serĉata de l’ viv’ eliksir’,
viva akvo, fabel-talismano,
paroksisma freneza delir’,
temp-maŝino de Wells’a romano.

Sub sekcanta mens-analiz’
de progresanta scienco
kun ĝusta skrupula preciz’
iam klariĝos esenco.

“Is – As” = estiv’
sekvigas “os”-energion,
tiel socia viv’
produktas konscion.

Al Vi, sfinkse enigma “Os”,
ĝis la scienco Vin solvos,
kun poezia patos’
mi florojn-poemojn disvolvos.

Sintezante en vorto-parol’
ĝiajn fortojn de l’ en’ kaj ekstero,
mi la menson risortos je Vol’
sur la vojo al plena libero.

“Is” – “As” – “Os”
tri elementoj de l’ Tuto,
finito, vivato, ĥaos’, –
problemo de Absoluto.

*el **“Prologo”**, Leipzig, SAT, 1929*